ISSN 0299-

# LA GAZETO

## ENHAVO



**DE NUN VIA GAZETO APEROS KUN 32 PAĜOJ KAJ KUN PLI GRANDAJ, PLI LEGEBLAJ LITEROJ**

**numero 11.** **5a de la 2a jaro** **15JUN87**

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

Jarabono
6 sinsekvaj numeroj : 18 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ LA GAZETO NE RESPONDECAS

## PERANTOJ

***Aŭstrio :*** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 265 ŝilingoj.*
***Ĉeĥoslovakio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 57 kronoj.*
***Danio :*** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 140 danaj kronoj.*
***Francio :*** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 125 francaj frankoj.*
***F.R. Germanio :*** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne — Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 37 germanaj markoj.*
***Hispanio :*** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 2600 pesetoj.*
***Hungario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 450 forintoj.*
***Italio :*** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 27000 liroj.*
***Jugoslavio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Dušan ADNADJ, Školska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 4460 dinaroj.*
***Luksemburgio, Belgio :*** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 775 belgaj frankoj.*
***Nederlando :*** *Alex d'OLIVEYRA, Roerstraat 84, NL-1078 LS Amsterdam. Ĝirkonto : 691113; jarabono : 42 guldenoj.*
***Norvegio :*** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 140 norvegaj kronoj.*
***Pollando :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1950 zlotoj.*
***Svedio :*** *Gösta PERSSON, Buntmakaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 130 svedaj kronoj.*
***Svisio :*** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 31 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra **la abonhelpa fonduso** bv. skribi al LA GAZETO*

Aperdato de la venonta numero : 30OKT87
Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# KIU ESTAS NEŬTRALA?



*Eugène de Zilah*

Kiam oni volas ofendi sinjorinon, oni endubigas ŝian virtecon, kiam oni celas malvalorigon de esperantisto, oni dubas pri lia neŭtraleco. Kompreneble oni havas nur ideon proksimuman pri la senco de la vorto, sed tio ne malhelpas la baton bone trafi. „Neŭtral-" fariĝis kverel-vorto, kvazaŭ blasfemoj de la fama kapitano Haddock en Tinĉjo : „ektoplasmo", „logaritmo", „baŝibozuko", „vegeterano" kaj ceteraj. La „studaĵeto" de LANTI, en 1922a, „For la neŭtralismon!", pri kiu la esperantistoj fojfoje aŭdis paroli, sed kiun ili ne legis, aŭ forgesis, pro la senco tre mallarĝa donita al la termino „neŭtraleco" pli malutilas ol utilas al strebado difini ĝin. Tamen, se ne estus la psiĥopatologiaj kvereloj ĉirkaŭ la koncepto de neŭtraleco, ĝi ŝajnus facile komprenebla. Etimologie ĝi elvenas el la latina **neuter**, tio estas **ne** kaj **uter**, kio signifas **neniu el ambaŭ**, kaj perimpulse memorigas la lernejan „neutrum eorum contra alterum juvare" („neniun el ambaŭ subteni kontraŭ alian") el „Komentarioj" de Cezaro. **Neuter** signifas ankaŭ gramatikan genron, sed certe ne pri tio pensis Zamenhof, kiam li parolis pri „neŭtrala homa lingvo", pri „neŭtrala popolo". (Sed eble pri tio pensis tiuj, kiuj difinis la neŭtralecon per la malpermeso diri siajn opiniojn politikajn, religiajn aŭ ideologiajn. Havante bovajn mankojn, ili petis al esperantistoj ne havi virbovan kuraĝon. Ĉi lastan malkuraĝan, etaniman timemon, prave skurĝadis Lanti.)

Cetere „neŭtra" ne estas sinonimo de „neŭtrala", ĉar la „-al-" sufikso signifas duagradan strukturon. Estus do „neŭtrala" tiu, kiu havus karakterizaĵojn de strukturo ellaborita dank'al principoj kiuj, iagrade, implicas neŭtrecon, do rifuzon partopreni en interbataloj, kontraktoj, aliancoj de aliaj. Sekve la Zamenhofa neŭtrala Esperanto-movado estas neŭtrala se, **kiel tia**, subaspekte de sia neŭtraleco, ĝi subtenas neniun ŝtaton, neniun movadon, neniun religion, neniun politikan partion, etnon, rason aŭ nacion. Ĉi tio ne signifas, ke ĝi devas amike konduti al ĉiuj. Ĉi tiu eĉ ne signifas, ke ĝi ne rajtas malamike rilati al homoj, grupoj, partioj, nacioj, religioj, ktp., kiuj celas ĝian detruon aŭ malfortigon. La neŭtraleco eĉ ne implicas la neperfortemon. Teorie eblas, (kaj praktike tio jam okazis), ke la Esperanto-movado havas malamikojn, kiujn ĝi morale rajtas kaj praktike pravas kontraŭbatali per ĉiuj eblaj metodoj. Ekzemple la Movado pravas subteni ĉiujn, kiujn oni malhelpas publikigi siajn ideojn aŭ ŝanĝi siajn loĝlandojn.

Neniu estas pli stulta, ol tiu, kiu diras, ke iu ne estas „neŭtrala" ĉar li eldiras siajn opiniojn, aŭ provas kontraŭbatali malutilaĵojn al la Esperanto-movado. Male, ne estas neŭtrala tiu, kiu subtenas la kontraŭmovadajn fortojn per fuĝo el la konfliktoj. Ne estis neŭtrala la Germana Esperanto-Asocio, kiam por plaĉi al la nazioj, ĝi elpelis siajn judajn anojn. Ne estas neŭtrala Universala Esperanto-Asocio, kiam ĝi helpas per amasturisma kongreso esperantistojn, kiuj por plaĉi al sia reĝimo, aŭ pro personaj ambicioj, submetis niajn internajn

A B O N H E L P A   F O N D U S O

por helpi niajn samideanojn en kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn. Ni dankas al :

| | | | |
|---|---|---|---|
| *S-ro* | *MASALA* | *F* | *6.00 EKs* |
| *S-ro* | *ZACHO* | *DK* | *13.00 EKs* |
| *S-ino* | *THIERRY* | *F* | *4.30 EKs* |
| *S-ro* | *LAPORTE* | *F* | *1.50 EKs* |
| *S-ro* | *CAUDET* | *F* | *1.50 EKs* |
| *S-ro* | *DUBOURG* | *F* | *5.00 EKs* |
| *Prof.* | *LAPENNA* | *GB* | *30.00 EKs* |

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

problemojn al juĝistaro ne-esperantista. Ne estas neŭtrala tiu, kiu diras, ke la Varsovia fuŝaĵo estas interna afero de Pola Esperanto-Asocio, ĉar li agnoskas, ke la esperantistaro ne estas aŭtonoma en Esperantaj aferoj. („Aŭtonoma" estas tiu, kiu obeas nur al propraj leĝoj.)

Eraras ankaŭ tiu, kiu kredas ke esperantisto devas esti sen konvinkoj kaj valoroj. Unuopulo rajtas utiligi la lingvon internacian laŭ siaj konvinkoj aŭ interesoj, se li ne celas la „instrumentigon" de la Movado, se li ne volas, ke la Movado estu nura instrumento de liaj konvinkoj aŭ interesoj, li ne estas riproĉinda, li havas neŭtralan sintenon.
Honesta esperantisto, kiam li estas konvinkita pri la valoro de **agado ne poresperantisma**, sed klasbatala, rasbatala, politika, religia aŭ aliaj, ne volas kaperi la tutan movadon kaj utiligi ĝin al siaj celoj, sed lanĉas novan asocion dediĉitan al siaj celoj. La ekzisto de tiaj novaj asocioj, fakaj aŭ ĝeneralaj, ne malutilas al la ĝeneralaj idealoj de Esperanto kaj, aldone, helpas la disvastigon de la uzado de la internacia lingvo. Tiasence, ni povas, sen paradokso, subteni, ke Lanti havis pli „neŭtralan" sintenon, kiam li lanĉis Sennaciecan Asocion Tutmondan, ol tiuj, kiuj, en 1974a, disponigis Universalan Esperanto-Asocion, al interesoj de Sovetio. Lanti ne provis fari, per interna puĉo, el la „burĝa" UEA, klasbatalan asocion de la laboristaro. Li fondis apartan asocion, kiu de 1922a, bone servis kaj la interesojn de la laboristaro internacia, kaj la idealon de Esperanto. Oni povas esti bona kaj honesta esperantisto sen kredi pri la eblo kaj valoro de „neŭtrala" agado, sed oni ne estas honesta, kiam oni diradas sin „neŭtrala" kaj oni fakte servadas la interesojn de partio, ŝtato aŭ de religio. Kion dirus honesta esperantisto, se, ekzemple, katolikoj de IKUE, kaperus la estraron de neŭtrala internacia Esperanto-asocio, kaj eluzus la laborojn kaj kotizojn de judaj kaj muzulmanaj membroj por katolikigi la mondon? Ĉu li daŭre opinius, ke temas pri „neŭtrala" internacia asocio? Certe ne, sed eble li restus daŭre membro de ĉi tiu false neŭtrala, fakte katolika, internacia asocio, se li kredus, ke nure ĝi ebligas kunlaboradon kun siaj Vatikanaj samideanoj.

Nia neŭtraleco estas aktiva kaj neniel nebula. Analogie ni rajtas diri, ke ni rilatas al la Movado, kiel svisa civitano rilatas al Konfederacio Helvetika. Laŭ ni esti esperantisto implicas valoraron, laŭ vortoj de Zamenhof „internan ideon", laŭ eldiro de Lapenna „humanecan internaciismon". Ni devas konservadi kaj pligrandigi ĉi tiun valoraron. La neŭtrala Svislando estis preta ĉiurimede defendi sin kontraŭ invado de nazioj. Ĉu pro tio iu endubigus ĝian neŭtralecon? Ĉu oni rajtas dubi pri la nia, kiam ni, per plej dolĉaj rimedoj, atentigas la esperantistojn pri ekzisto de invadintoj, invadantoj, invadontoj?

Nia valoraro ne permesas al ni amike rilati al faŝismoj brunaj, nigraj aŭ ruĝaj. Ni ne estus neŭtralaj se ni kunlaborus per silentado, aŭ pli mise, per aktiva propaganda helpo, kun sistemoj, kiuj ne rekonas al individuo la rajtojn forlasi sian loĝlokon kiam li volas, verki kion li volas, en lingvo, kiun li elektas kaj eldonigi ĝin tie, kie li trovas eldoniston.

**Nia neŭtraleco ne estas universala timemo**

Ni devas klare kaj firme eldiri, ke reĝimo, en kiu ekzistas opinio-delikto, tio estas en kio oni estas laŭleĝe punebla se oni kuraĝas eldiri, propagandi, verke divastigi siajn opiniojn, estas reĝimoj malamikaj al la Esperanto-movado, ĉar ili malhelpas tion, por kio Esperanto estas esence farita. Ni ne povas, kiel esperantistoj, koni la plej bonan socian sistemon, aŭ la plej altan religion, eĉ se ni supozas, ke la niaj propraj estas tiaj. Por tio ni estas toleremaj kaj neŭtralaj. Sed ni grave malutilus al Esperanto, se ni ne utiligus ĉiujn niajn kapablojn kontraŭ tiujn, kiuj alportas la hakilon al la radikoj de nia komunaĵo.

*Eugène de ZILAH*



*S-ro Pascal Dubourg, (F)*

*La 10a **LG** estas laŭ mi la plej interesa, vere mi prefere legas, kiam vi konstruas vere novan, ol kiam vi pridiskutas pasintajn faktojn. Mi volus altiri vian atenton kaj espereble tiun de la legantaro de **LG** pri la kazo de juna esperantisto Eric Hébert el Rouen. De du monatoj li estas en karcero pro opinidelikto. Li rifuzas militservi pro politikaj kialoj. Mi pensas, ke estas neakcepteble, ke hodiaŭ en Francio io tia okazu. Pro tio mi petegas ĉiujn sendi kuraĝigajn mesaĝojn al li : Eric Hébert, matricule 27372, cellule 459a, Maison d'arrêt, 2 av. du train de Loos, F-59374 LOOS LES LILLE, Francio. Ankaŭ tre gravas subskribi la prempeticion por ke li tuj kaj senkondiĉe liberiĝu. Akirebla esperantlingve de Subtenkomitato por Eric Hébert, BP 58, F-76160 DARNETAL, Francio. Mi tre dankas pro la helpo.*

**LG :** Dankon! Helpu nin konstrui ion vere novan! Ĉi tio eblas individue, se vi aniĝas en ICNEM, se vi organizas grupon de Monda Federacio de Kulturaj Asocioj, aŭ se vi aniĝas kaj laboras en unu el niaj fakaj asocioj. La kunlaborado kun **LG** estas jam grava unua paŝo.

*S-ino Jacqueline Lépeix, (F)*

*Min mirigis la jena paragrafo de la artikolo „Filozofie, Esperante", sur la 17a paĝo de la 10a numero de **LG** :*
*„Se kristanoj vere farus kiel ili predikas ilia maksimo 'okulon pro okulo, denton pro dento' rezultigus, ke tuta homaro estu blindigita, sendentigita. Gandhi ekkomprenis tion".*
*La maksimo „okulon pro okulo, denton pro dento" estas en la Torao. Jen la komento de la evangelio pri tiu maksimo de la Torao :*
*„Vi aŭdis, ke estas dirite : okulon pro okulo, kaj denton pro dento; sed mi diras al vi : Ne rezistu al malbono; sed al tiu, kiu frapas vian dekstran vangon, turnu ankaŭ la alian. Kaj se iu deziras procesi kontraŭ vi, por forpreni vian tunikon, lasu lin preni ankaŭ vian mantelon. Kaj se iu devigas vin iri unu mejlon, iru kun li du. Donu al tiu, kiu petas de vi; kaj ne deturnu vin de tiu, kiu deziras prunti de vi". (Mateo, 5a ĉapitro, 38 ĝis 42).*

**LG :** Kompreneble, vi pravas. La maksimon „Okulo pro okulo..." el la Malnova Testamento citis al Gandhi-Ĵi nekristano, kaj tiam li respondis, ke tia maksimo blindigos la mondon. La eraro atribui al la kristanaro ĉi tiun maksimon, kvazaŭ doktrinon, ne estis en la priraportita lekciaro.

*S-ro Wolfgang Günther, (D)*

*Koncernas : „Tezoj pri la lingva problemo" de Reinhard Haupenthal **LG** 10, p. 19.*

*Nova supernacia Eŭropo certe ekestos sen lingva integriĝo. Tial, ĉar la motoro de la nuntempa kaj nunforma unuiĝo estas la ekonomio. Kaj la marko en la poŝo pli valoras ol iu vorto en la buŝo, jen la doktrino. Sekvo : Esperantistoj, kiuj sekvas ĉi tiun realecan kurson de niaj grandaj politikistoj, kompreneble ankaŭ partoprenas la kulturan mutiladon pere de tiu politiko. Ĝi ofertas ILo-n kiel la iom pli malgrandan malbonon, ĉefe por kvietigi ĉiujn, ĉiuj sentiĝas pli-malpli neadekvate reprezentataj en la komunumo. Tiel Esperanto denove elmontriĝas bona adepto en la postondoj de la civilizmaŝino kaj ties detruaj tendencoj.*
*Ekzistas multaj fundamentaj, ĉefe ekologiaj kaj kulturaj, argumentoj kontraŭ internacia integriĝo kaj „kunlaboro" surbaze de ekonomiado. Estas nekontestebla fakto, ke internacieco en si mem havas pli gravan vivodetru(em)an*

---

# LETEROJ

*tendencon al la kontentiĝo de la homoj je la surlokaj rimedoj kaj ebloj. Tiun verafon oni bone akceptu kiel gvidlinion (ne por nun renversigu jam evoluitajn statojn). Jam ni ĝi jam donas metanoian lingvo-politikon. Ĝi sekvas la plej pragmatikan komprenon de la „interna ideo" de esperantismo „akceli per Esperanto nur tiajn konceptojn, kiuj estas de egala intereso por ĉiuj popoloj". Laŭ ĉi ĉio la argumentado favore al Esperanto en ĝeneralo kaj en detalo cele enkondukon de Esperanto en ŝtat-komunumojn aŭ ajnan interŝtatan kunlaboradon ampleksas jenajn tezojn :*

*1. Esperanto laŭ ĝia evolu(ci)a memkompreno baziĝas ekdekomence sur la ideoj de paco, neŭtraleco, homaj rajtoj, ekologio (sendiskriminacio, ne-detruo), tion ĉi neniu etna lingvo povas aserti pri si mem.*

*2. Esperanto estas aparte valora pro ekologiaj kialoj, t.e.*
*2.1. ĝi atingas la celon de facile ek- kaj el-lernebla internacia komunikilo per minimuma intelekta kaj materiala malŝparo kaj disipo,*
*2.2. ĝi precipe ankaŭ taŭgas sur la malpli detru(em)a regiona nivelo, ĉar kiel „dua lingvo por ĉiu" ĝi ebligas al ĉiu unuopulo aŭ grupo en iu parto de la mondo kontakti alian individuon aŭ grupon en alia parto de la mondo kun certeco de „esti komprenata".*

***S-ro François Degoul, (F)***

*Aboninte **LG** freŝdate, mi ricevis ĉiujn numerojn samtempe; tial mi nur nun komentas pri iu malnova artikolo.*

*Laŭ la menciita teksto, J.T. kaj la „leganto" ŝajnas ambaŭ konsenti pri la simpleco de la latina regulo pri apozicio, ĉiam „en la sama kazo kiel la nomo" laŭ „la latina lernolibro" menciita. Oni do emus pensi, leginte la klarigojn de J.T., ke sintakso latina estas simpla, sed sintakso Esperanta malsimpla. Saman senton povus naski ankaŭ, ekzemple, kompara studado pri la refleksivo.*

*Fakte, ne temas pri diferenco de sintaksa simpleco, sed pri diferenco de profundiĝo en la sintaksa studo : ankaŭ en esperanto estas trovebla la regulo, ke apozicio estas „en la sama kazo kiel la nomo"... sed nur en „lernolibro", ne en PAG. Ankaŭ en la latina estas esceptoj, speciale la escepto de „nominacio", sed tiujn esceptojn mencias ne lernolibroj, nur pli kompletaj libroj por studentoj. Al la lernantoj tamen, oni pli rapide mencias esceptojn Esperantajn ol latinajn, pro tio, ke la bazajn regulojn de Esperanto oni lernas dek foje pli rapide ol tiujn de la latina. Sekve, male al studantoj de la latina lingvo, kiuj ambicias nur perfektan konon de la elementaj reguloj, studantoj de la esperanta ambicias perfektan konon de la **tuto...** pri kiu eĉ ne unu latinisto havas nun kontentigan konon. Ni do ne estu trompitaj de nereala simpleco.*

***S-ro Andreo Marszalkowski, (PL)***

*La 72-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Pollando dum la centjaro de la internacia lingvo. Simbola estas ne nur Varsovio mem kiel la lulilo de Esperanto. Estas ankaŭ aliaj simbolaj signifoj de la evento. La afero de la Komisara Estraro de PEA estas jam mondvaste konata. Malpermeso kongresi en Pollando al SAT, eble ankaŭ al KELI, estas jam konata. Tamen pri la **pinto** de la skandalo mi informiĝis hodiaŭ de Andreo Pettyn (pere de la Esperanto-programo de Radio Polonia — horo 23.30). La sidejo de la 72-a Jubilea UK estos la „J.V. Stalin — Kulturpalaco, kiu por ni poloj estas hontinda simbolo de la dependeco de Sovetio. Krome la patrono de la kongressidejo Josefo Stalin estas kulpa pri murdigo de kelkdekmilionoj da sovetianoj, sanga persekutinto de Esperanto kaj esperantistoj inter kiuj multaj estis murditaj, malliberigitaj en Gulag-koncentrejoj, ensiberiigitaj (kiel ekz. Stjepan Titov — la patro de la dua sovetia kosmonaŭto Herman Titov), ofte nur pro la kono de la internacia lingvo, kio en si mem jam estis danĝera por la diktatoro. Nun eĉ la komunistoj plej volonte forgesus la nomon de tiu el siaj prapatroj.*

*La „interkona posttagmezo" okazos sur la granda placo ĉe la monumenta Stalin-palaco, kies spirito ŝvebos super la tutmondaj kongresanoj /.../.*

**LG :** La plejparto de esperantistaro ne estas sentema al „spirito", pro tio la 72a UK estos ĉiumaniere granda laŭnombra sukceso.



# INTERVJUO PRI PRIVAT

**LA GAZETO** : Ĉu vi bonvolus rakonti, kiel vi konatiĝis kun Edmond Privat, kiaj estis rilatoj inter vi kaj Edmont Privat...

**Claude GACOND** : Edmond Privat vivis en Neuchâtel, tie li ankaŭ instruis. Li estis socialisto aŭ social-demokrato. Unufoje semajne li troviĝis en la Domo de Sindikatoj kaj tie li respondadis je demandoj de la vizitantoj. Ili rajtis fari demandojn pri io ajn. Tiam mi estis junulo, kiu de tempo al tempo ankaŭ iris viziti tiujn kunvenojn, ĉefe por aŭskulti demandojn kaj respondojn. Kiam mi estis gimnaziano, mi estis – ni diru – tre „obsedita" de la problemo, ke mi devos eble foje militdeĵori, kaj mi min pretigis fariĝi militrifuzanto, aktivante en la movado „Internacia Civila Help-servo"; do mi donis ĉiujn miajn feriojn profite al helpo kadre de tiu movado. Tiam evidentiĝis, ke Edmond Privat estis membro de tiu movado kaj mi, fakte, vere renkontis lin, profunde, en tiu movado. En ĉi tiu movado mi sentis plejmulte la mankon de Esperanto, kaj mi renkontis esperantistojn...

**LG** : Ĉu Edmond Privat jam estis esperantisto?

**C.G.** : Oh! Jes! Vidu... li jam estis maljuna profesoro, en Neuchâtel, estis la jaroj 50-aj kaj li alvenis je la fino de sia instruado...

**LG** : Ĉu vi estis lia lernanto?

**C.G.** : Mi estis lernanto en la gimnazio, sed ne lia, sed mi renkontis Edmond Privat fakte kadre de la movado „Service Civil International", kiun li frekventis okaze de asembleoj. sed samtempe mi multe legis de E. Privat. Li estis ĵurnalisto samtempe. Ĉiusemajne oni legis liajn kronikojn en la gazeto „Coopération", en la gazeto „L'Essor" kaj en la socialista gazeto „La Sentinelle". En mia hejmo (mi apartenis al burĝa familio) oni ne abonis socialistajn gazetojn, sed en mia familio oni legis „Coopération" kaj „L'Essor", kaj tutcerte tiuj artikoloj de Privat, kie oni ofte parolis pri Esperanto aŭ kie la informoj venis tra la kanalo de Esperanto-kontaktoj. Tiuj artikoloj multe influis min, tutcerte. Kiam mi frekventis la gimnazion, Edmond Privat estis tre malsana, li suferis pro koks-inflamo, li verŝajne ekhavis tuberkulozon kiam li estis juna kaj kiam li estis en oftaj kontaktoj kun Hector Hodler, lia amiko. Privat resaniĝis sed ĉiam lamis, kaj je la fino de sia vivo li havis artrozon kaj malfacile paŝis, ne povis facile eniri tramon, do mi ludis ofte rolon de helpanto, mi sciis lian universitatan horaron kaj ni kombinis la aferon : antaŭ ol iri al gimnazio mi iris plifrue al la hejmo de Privat kaj mi akompanis lin de lia hejmo al la tramo, kaj de la tramo al la universitato, kiu estis la sama domo kiel la gimnazio kaj Edmond Privat kombinis tagordon tiel, ke ĝi kongruu kun mia frekventado de la gimnazio, por ke mi ne maltrafu horojn. Ofte Privat preferis iri piede, ĉar li loĝis kvaronhoron de marŝado, kaj estis malpli penige ol iri en la tramon kaj eliri el ĝi.

---

SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO **„ŜPB-10"**

1. ĉG4-E5; rD4-E3. 2. pC2-C3; rE3-D2. 3. ĉE5-C4 (ŝako!); rD2 X ĉD3. 4. pB3-B4; rD3 X ĉC4. 5. kF3-E2 (mato!).

## SOLVO DE "KVE-10"

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | E | S | K | A | T | O | L | O | G | I |
| 2 | P | I | E | R | O | T | ■ | K | O | N |
| 3 | A | M | P | E | L | O | P | S | ■ | V |
| 4 | N | O | ■ | S | E | M | ■ | A | L | E |
| 5 | O | N | I | ■ | D | A | F | N | I | S |
| 6 | R | I | Z | O | ■ | N | E | A | ■ | T |
| 7 | T | ■ | O | G | R | ■ | N | ■ | L | I |
| 8 | O | R | B | I | T | ■ | A | B | A | T |
| 9 | Z | U | A | V | ■ | L | ■ | E | M | U |
| 10 | A | G | R | I | K | U | L | T | U | R |

# MOVADA VIVO

**LG :** Ĉu pro la ŝtuparo...?
**C.G. :** Pro la ŝtuparo... Kaj poste mi ankaŭ komprenis kial. Ĉar li utiligis tiujn marŝ-momentojn kvazaŭ verŝajne por...
**LG :** Por esparantigi vin?
**C.G. :** Esperantigi min aŭ ne nur esperantigi, ĉar tio okazis ne en Esperanto – mi tiam ne scipovis Esperanton – sed, por paroli al mi pri plej diversaj ideoj : li parolis i.a. multfoje pri la mondfederalismo, pri la ideoj de pacismo, ktp... pri plej diversaj aferoj...
**LG :** Kiuj estis ĉi tiuj ideoj? Vi jam menciis la mondfederalismon...
**C.G. :** La ideo, ke ni devas konstrui, iom post iom mondan ŝtaton, do, ke ne sufiĉas organizo kiel UN, aŭ kiel antaŭe, Ligo de Nacioj, kiu nur reprezentas niajn registarojn, kaj fine similas al niaj senatoj. Devas apud tio kreiĝi granda parlamentejo de popoloj. Sed – li ĉiam ripetadis al mi – nur pere de Esperanto ni povos okazigi elektojn, balotojn...
**LG :** Fine la mondo similus al Svislando...
**C. G. :**...al giganta Svislando...
**LG :** ...kies diversaj landoj estus kantonoj...
**C. G. :** Jes! Absolute sendependaj ŝtatoj, kiuj nur cedas parteton de sia suvereneco, rezignante pri la rajto militi, kiuj kaze de konfliktoj, promesus submetiĝi al tribunaloj. Privat ne povis diri precize kiel ĉio ĉi devos aspekti. Li opiniis, ke fine de sia vivo ni verŝajne iros al kontinentaj federiĝoj kaj al interkontinentaj federiĝoj, verŝajne al diversnivelaj federiĝoj. Dum en la komenco de sia vivo li kredis je konstruo de mondfederiĝo, kie ĉiuj ŝtatoj estos egalaj. Sed tamen oni vidas kreiĝi tio-ĉio en UN; pli kaj pli da ŝtatoj estas en tiu organizaĵo. Restas ankoraŭ Svislando ekstere sed la 16an de marto ni voĉdonos pri tio por scii ĉu ni akceptos aŭ ne, ke Svislando eniros...
**LG :** En UNO-n...
**C.G. :** Jes, ĉar ni baldaŭ estos, la sola lando ekster UNO. Do Privat opiniis, ke ĉio kreiĝos iom post iom. Li multfoje parolis pri la Universalaj Kongresoj de Esperanto kaj li tre bedaŭris, ke ili servas al nenio. Li ofte diris al mi : „ili servas al nenio, ili devus havi temon, sed ne la temon, kiun UNO elektas, la temon kiun ni elektu. Imagu se, en niaj kongresoj, ni prenus la tutan pritraktaĵon de la ĝenerala kunveno de UNO, kaj ni kontrolus ĉu ni samopinias kun la decidoj kaj ni kritikus la decidòjn de UNO, kiuj ne korespondus al la decidoj de la popoloj". Tiam – mi memoras – Privat diris al mi : „kiam ĉiuj televidoj, ĉiuj ĵurnalistoj de la tuta mondo rigardus kio okazas en tiu kongreso; sed tio devigus nin elekti delegitojn kaj lasi paroli nur tiuj, kiuj estas delegitoj, kaj la publiko povus ĉeesti kiel estas ĉe granda parlamenta sesio". Kaj tiel, por Edmond Privat, povus naskiĝi, iom post iom, la parlamento de la popoloj.
**LG :** Kaj pere de Esperanto?
**C.G. :** Pere de Esperanto! Li opiniis, ke nur pere de Esperanto ĝi kreiĝos. Jam nun la tradukaj problemoj unue estas tre kostaj, tre gravaj, kaj oni ne povas imagi parlamenton, kie iu ajn povus iri, se oni devus havi tradukojn. Unu el la kondiĉoj por esti elektita, oni devus verŝajne scii Esperanton, aŭ almenaŭ sufiĉe kompreni ĝin; se oni ne povas paroli en Esperanto oni devus veni kun sia interpretisto, kiu tuj interpretus en Esperanton kaj neniam de Esperanto al la naciaj lingvoj. Privat okazigis plurajn tiajn internaciajn kongresojn, kie oni tradukis de la naciaj lingvoj en Esperanton, sed neniam inverse; inter alie tiuj grandaj konferencoj pri instruado de Esperanto en la lernejojn. Bedaŭrinde poste la movado nekapablis organizi pli ol tiuj, kiujn li organizis.
Do tio estis iomete la influo de Privat, influo, kiu pli kaj pli fariĝis grava, ĉar mi kontaktiĝis pli kaj pli ofte kun li. Li estis amiko, li estis por mi – kiel oni povus diri – profesoro. Li ne estis mia majstro. Mi iris trovi lin kaj, kiam mi transprenis la gvidadon de la junularo, li estis vere mia konsilanto – mi povas diri. Mi min permesis sendi al li miajn trovaĵojn kaj li kelkfoje korektis, konsilis, kaj li ĉiam konsilis je modero unuflanke, eviti la disputojn; li ĉiam diris : „se vi volas labori por Esperanto, vi ne devas timi, ke oni mordos vin, ĉar kiam io sukcesas – li diris – estas stranga fenomeno de ĉiuj socioj, se io sukcesas, tiuj kiuj ne bone sukcesas, alianciĝas por malhelpi la sukcesanton kaj eble detrui."
Kaj ankoraŭ li instruis al mi, ke la Esperanto-movado estas luda aspekto. Esperantistoj ludas, ili ludas diskutante pri kotizoj, pri ŝanĝo de prezidantoj, de statutoj, do ili ĉefe ŝanĝas statutojn kaj diskutas pri kotizoj. Ili ludas, ĉar




*Gandhi kaj E. Privat en Vallorbe (CH), post la Konferenco de la Ronda Tablo en Londono (1931.)*

ili ne agas. Sed Edmond Privat montris, ke tuj kiam oni devas agi, oni ne plu havas tempon diskuti pri kotizoj, kaj ĉiuj donas malavare multe pli ol tiuj kotizoj. Kaj oni ne plu havas tempon diskuti pri statutoj, ĉar ĉiam la laboro antaŭas la statutŝanĝojn, kaj la statutŝanĝoj nur venas firmigi la akiraĵojn, kaj li ĉiam pro tio konsilis havi al ni bonajn statutojn, jes, kiuj respegulu la faritaĵojn, kaj ne unue antaŭiri la faritaĵojn pere de tiuj statutoj, kaj ne timi la ludon, ĉar li diris :„ĉiuj, kiuj ludos, restos ekstere de viaj aktivecoj". Kaj mi konvinkiĝis pri tio. „Ili estas kiel infanoj – ofte li diris – vidu, rigardu la infanojn", kaj, mi memoras, foje ni promenis kaj ni vidis infanojn, kiuj ludis per sablo kaj li diris : „ni rigardu ilin momenton", kaj mi ne komprenis kial li diris tion. Mi vidis infanojn konstrui monton, kasteleton, kaj poste ili detruis la kasteleton, kaj tiam Privat diris : „jen la simbolo de la esperantistaro : ĉar ili ludas, ili konstruas; sed poste kion fari? Tiam ili provas detrui, do ili ne detruas la propran konstruaĵon, sed tiujn de la aliaj, kaj ili ĉefe timas ĉiujn aliajn konstruojn. Do se io stariĝas, li timas je tio kiel konkurencon kaj ili kontraŭstaros. Ili detruos. Ne timu ilin, konstruu, se vi atingas la nivelon de la konstruo, ili ne plu atingos vin". Kaj mi pensas, ke li tute pravis. Mi konstruis, kaj ju pli mi konstruas...

**LG :** Ĉu li ne plu estis vivanta kiam vi komencis?

**C.G. :** Li estis vivanta, kiam mi konstruis la junularon, kiu transformiĝis, ĉar ni ĉiuj maljuniĝis, iom post iom, ĉar ni estis ĉefe edukistoj, al la edukistaro. Privat estis nia honora prezidanto kaj nia prelegisto, multajn prelegojn li faris por ni, kaj en tiu asocio de Esperanto-edukistoj de Svislando li konsilis al ni la konstruon, kiun ni nun faras. Poste mi reanal-

izis la situacion, mi ne estis sklavo de la ideoj de Privat, sed mi vere trovis tre profundan inspiron ĉe li kaj ankaŭ ĉe liaj provoj, ĉar jam en 1910a li provis starigi la Esperanto-Instituton, kiu havintus tri sidejojn, unu en Ĝenevo, unu en Parizo kaj unu en Nov-Jorko. Kiam oni konas la karikaturon de Privat, oni vidas lin salti de kontinento al kontinento semante lernolibrojn. Li volis krei la altlernejon, sed alvenis la mondmilito kaj tiam li diris al mi : „ĉiam la mondmilitoj detruas, kion ni faris. Fakte la Ĉseh-Instituto estis detruita dum la dua mondmilito kaj li diris : „tiel ni devas ankoraŭ tiom multe labori por la paco, sed inteligente, por ke kreiĝu, iom post iom, institucioj, kiuj malebligu la militadon, do la detruon de nia movado".
Edmond Privat estis ankaŭ tiu homo, kiu ne povis akcepti la nacian dividon. Li ludis tre gravan rolon en la loka Esperanto-vivo en la regiona Esperanto-vivo, kaj en la monda. Sed li ne apartenas al la homoj, kiuj dediĉis siajn fortojn al la nacia movado. Li estis membro de la Svisa Esperanto-Asocio, sed liaj priokupoj estis ĉiam pli larĝaj ol la svisaj, kaj li ĉiam kontraŭstaris al la divido de Svislando je naci-kantonoj, aŭ lingvaj regionoj. Li volis, ke de jam nun, nivele de Svislando, pere de Esperanto, oni tuj pensu – ni diru – por la tuta federacio, kaj ne por la franca parto, por la itala parto, por la romanĉa, kiel la plimulto de la Esperantistaro ĉiam volas fari... aŭ ili ĉiam vidas nur siajn kantonojn, ĉu ne? Ili volas krei societojn, kiuj reprezentus sian ŝtaton (kantonon), kaj Privat ĉiam estis kontraŭ tio. Pro tio kiam en 1935-36 la Esperanto-movado submetiĝis grandparte al la deziroj de la faŝistoj, ke ĉio organiziĝu naciskale, li fakte retiriĝis, kaj li retiriĝis for de Ĝenevo, tiam li loĝis en Ĝenevo kaj laboris kadre de la Ligo de Nacioj. Sed ankaŭ tiam li perdis la esperon, do li retiriĝis en la plej foran lokon de Svislando, en Tiĉinon, en la italan parton, kaj tie li instruis la francan en supera lernejo komerca. Kaj sian liberan tempon li utiligis por verki siajn verkojn.

LG : Ni dankas vin pro ĉi tiu intervjuo. Ni atentigos niajn legantojn, ke niaj intervjuoj estas rektaj, perparolaj kaj nepreparitaj de la intervjuito, kiu en tiaj cirkonstancoj povas erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero.

## KRUCVORTENIGMO "KVE-11"



**HORIZONTALE:**

1 – Poemaro de W. Auld kaj M. Boulton. 2 – Korbelfenestr' * Transpagu. 3 – Antikva monunuo * Toksa miksaĵ'. 4 – Salakva etendaĵ' * Harfilik'. 5 – Parto * Prepozicio * Pronomo. 6 – Idaron. 7 – Tuno * Hikoria frukto * Italio. 8 – Honori * Laŭstila, laŭmaniera. 9 – Kampar' * Multekosta ŝton' * Japana monunu'. 10 – Politika oponanto.

**VERTIKALE:**

1 – De Alasko ĝis Meksikio. 2 – Nov-Gvinea * Naiva trompeblul'. 3 – Parazita miceto. 4 – Mallofa * Ludkarta emblem' * Tria nekonata kvanto. 5 – Plene neniigi. 6 – Tajlando * Virina nomo * Kvalit'. 7 – Objekta rand' * Italio * Malbona sangostat'. 8 – Latva ĉefurbo * Vaporgut' * Urugvajo. 9 – Sud-Afrika rivero * Subtera ĉambr'. 10 – Romia Imperiestro.

Tri el la solvintoj ricevos premion.

**MONDHISTORIA ASOCIO ESPERANTISTA**

Jam de longa tempo la movado bezonas fakan asocion de mondhistoriistoj, ĉar nenio pli ol Esperanto kapablas doni rimedojn por objektiva disvolvigo de historia scienco. La naciismoj pli minacadas historiosciencon, ol ajnan alian sciencan branĉon. La nova faka asocio, Mondhistoria Asocio Esperantista – MAE, kunligos ĉiujn, kiuj profesie aŭ amatore interesiĝas pri historio.
La konstitua asembleo de MONDHISTORIA ASOCIO ESPERANTISTA okazos dum la JUBILEA ESPERANTO - KONFERENCO, en Graz (A), 18-25JUL87.
Petu informojn kaj statutproponon ĉe la provizora sekretario de MAE:

S-ro Bernard VIVIER
sekretario de MAE
1 Val de Ravenne
F-54240 JOEUF
(Francio)

**TUTMONDA ASOCIO DE PLURKULTURAJ ESPERANTISTOJ – TAPE**

**En nia mondo,** milionoj da homoj, pro ia kialo, devas vivi en kultura medio, kiu ne estas por ili denaska. Jen pro tio, ke politikaj ŝanĝoj en la landlimoj enmerĝigis ilin en novan kulturon, jen pro historiaj kialoj, pro kiuj ili apartenas al kulturaj kaj lingvaj malplimultoj, jen pro ajna individua decido. Ĉi tiaj homoj estas miloj en Esperantio. Nu, nenio povas ilin plie helpi, ol la Esperanto-movado, por alkutimiĝi al siaj novaj kulturaj medioj kaj samtempe konservi kaj flegadi siajn denaskajn kulturajn valorojn. Vera etnismo estas ido de vera, humaneca internaciismo. Esperantisto enveninta novan landon estas nur duone fremdulo, ĉar solidareco de la movado subtenas lin. Ĉiuj, kiuj jam alkutimiĝis al nova kultura medio, posedas trezoron de kulturaj kaj praktikaj spertoj, kiujn ili povas disponigi por la novalvenantoj.

La nova TUTMONDA ASOCIO DE PLURKULTURAJ ESPERANTISTOJ – TAPE, celas la solidarigon de ĉiuj esperantistoj vivantaj ekster siaj denaskaj kulturmedioj. Se vi estas plurkultura esperantisto, se vi ne estas egoisma por voli, ke ĉiuj novalvenantoj en fremdajn kulturojn trasuferu, tiom, kiom vi mem trasuferis, kiam vi mem alvenis, vi povas alporti la helpon de viaj spertoj kaj la forton de via solidareco al la nova asocio de plurkulturaj esperantistoj. Kompreneble, grandanimaj unukulturaj esperantistoj, kiuj pro helpemo aŭ pro deziro enveni la medion de plurkulturaj homoj, volas aliĝi al la nova asocio, estas bonvenaj. Petu informojn ĉe : S-ro Frédèric SACHS

18, rue Jules Lagneau
F - 57000 METZ




## ŜAKPROBLEMO "ŜPB-11"




**Situacio de la blankularo :** rA2; dB6; tC3; tE1; kH1; ĉC7; ĉG6; pE5; pF3; pH3; pB2; pE2.
**Situacio de la nigrularo :** rF5; kG5; ĉG7; pB7; pC4; pF4; pH4.
La blankularo ekludas kaj matigas je la tria paŝo.
Tri el la solvintoj ricevos premion.

# KONGRESI HUNGARE

Printempo en Budapeŝto – bonaŭgura enkonduko al Hungario kaj al la Hungara Esperanto-Kongreso, la 28a tia okazaĵo ekde la unua en 1912a.

Malfortune, cirkonstancoj devigis min maltrafi la unuatagan programon. Mi aparte bedaŭris la maleblon ĉeesti la solenon ĉe la tombo de Julio Baghy. Devintus grava eventõ omaĝi, en kompanio de liaj samlandanoj, homon, kiu tiom strebis al kleriga kompreniĝo inter ĉiulandanoj.

## VALORAJ KONTAKTOJ

Tiutage mi ankaŭ maltrafis la vesperteatraĵon. Spite la perdon de la unua kongrestago, restis nur unu decido – antaŭen! Do mi almenaŭ sukcesis trovi mian, dank'al PASPORTA SERVO, afablan gastigontinon, kiu ankoraŭ atendis min, eĉ je la 23a horo, malfrulon je unu tago.

Sabate, 21 marto, 1987a. Mi pagis la kotizojn, ekvagis inter kongresanoj, kaj trovis, ke interkompreniĝo – jen glate, jen zigzage – almenaŭ efektiviĝis. Kvankam mi ne sukcesis alparoli ĉiujn, mi ja konversaciigis plurajn. Dum la meandrado inter diversaj kunvenoj, la trinkejo, la libroservo, enkoridoraj babiladoj kaj ekskursetoj eksteren por revigligaj spiroj de freŝa aero, mi eltrovis, ke ĉirkaŭ 300 partoprenantoj el- kaj eniris la kongreson dum la tri-tagaĵo.

Mi kurioziĝis pri eblaj eksterlandaj ĉeestantoj, kaj foje rimarkis aŭtobuson polan, tamen mi neniel sukcesis trovi polon por alparoli. Poste la buso malaperis. Tamen mi ja malkovris dum la vesper-balo agrablan babilpretan nederlandanon.

## ĈU VI PAROLAS HUNGARE ?

Mi ne konas la konduton de aliaj landaj asocioj rilate lingvon, sed HEA dumkongrese oficiale rajtigas du lingvojn – Esperantan kaj hungaran. Konsekvence la plejmulto da aferoj traktiĝis hungarlingve. Kio plukonsekvigis, ke mi devis lukti por senmisterigi tion, kio okazadis. Iel (verdire per babiladoj kaj kelkaj informoj en „Budapeŝta Informilo") mi sukcesis ekscii ion pri la stato de ...

## ...ESPERANTAJ AFEROJ EN HUNGARIO

1) Fieras la asocio pri la 2377 membroj registritaj jam dum la unuaj du monatoj ĉijaraj, kaj ĝi esperas entiri 10.000 membrojn dum la jaro pere de nova kampanjo jam lanĉita. Nun por estiĝi dumviva subtenanta




*K. Jakobo trovis la statuon de Körösi Csoma*

membro de HEA, oni pagas 50 forintojn (1 EKUO), kaj poste je ĉiu periodo kvinjara oni subskribas konfirman aliĝilon por daŭrigi membrecon. Tio laŭraporte celas atingi perciferan prestiĝon kaj pli da favoro je la instancoj registaraj. Tia agado eble laŭdindas, tamen tuj venas en mian kapon 3 demandoj : Kio vere signifas membreco en iu Esperanto-asocio? Kiu fakte rajtas voĉdoni aŭ voĉdonigi en Esperanto-asocioj? Ĝis kiu grado oni ligas Esperanto-agadon al bonvolo registara?

Anstataŭe, mi post la Kongreso serĉis kaj trovis la statuon de Sàndor Körösi Csoma, alia bravulo kiun ardigis la amo de lingvoj. Lia scivolo pelis lin vagvojaĝi Azien por eltrovi la radikojn de sia lingvo kaj popolo.

2) La sidejo de HEA alilokiĝis post kelkaj monatoj al renovigita parto de „Nova Hungara Centra Arkivo" en Budapeŝto. Mi ne sukcesis ekscii la sorton de la libroservo, kiu nun situas je dekkelko da metroj for de la nuna sidejo en sama strato.

3) Ŝajnas, ke baldaŭ en la sekretariejo de HEA ekkomencos labori neesperantistaj fakuloj por „altigi la nivelojn de la servoj" estontaj!??

4) Gravaj (laŭdire) ŝanĝiĝoj de la asociaj statutoj estis dum la kongreso pridiskutitaj ĉefe pro la insistado de junaj membroj pri la plidemokratigo de tiuj statutoj. Tamen mi ne povis klare eltrovi, pro la neuzado de Esperanto, la rezultojn de tiuj diskutoj.

5) Dank'al iniciatoj pere de Poŝtista Komisiono de HEA la ĉefa poŝtejo en Budapeŝto (kiu prizorgas 80%-on de la elbudapeŝtaj leteroj) uzos specialan dulingvan stampilon dum la dua duono de 1987a honore al la Jubilea Jaro de Esperanto.

6) Surprizis min la magra ekspozicio de libroj ĉe la kongreso. Laŭdire oni deĵoras tutsemajne je la loka libroservo, kaj ne emis samfari dum semajnfino!?? Konsekvence, dimanĉe eĉ ne estis libroservo ĉekongresa. Jam sabate preskaŭ ĉiuj libro-varoj forvendiĝis. Cetere, la libroservo de HEA mem aspektis neprizorgata malgraŭ relative riĉa stoko, elektebleco de varoj kaj daŭra eldon-agado de HEA.

VALORAJ KONTAKTOJ

Mi devas konstati, ke la akmeo de mia „kongresumado" en Budapeŝto okazis dum la vesperbalo je kiu dum du horoj alparolis min d-ro Arpàd Màthé, ĉefredaktoro de „Budapeŝta Informilo". Eĉ ke pro tio forflugis ŝancoj por dancadi kun kongresaninoj! Tamen ... Hungario, ĝia historio, ĝia popolo, ĝia kulturo, Esperanto, vivkonceptoj – jen subjektoj traplugitaj de d-ro Màthé. Por mi estis vera eduko krom komplezo tiu „diskurso" pro kio mi denove dankas.

Kompreneble mi profitis la okazon por peti intervjuon de li kaj ankaŭ de s-ro MacGill kun kiu mi ankaŭ renkontiĝis, la nova redaktoro de „Juna Amiko", kies oficejo situas je HEA. Ĉar mankis al mi bendmaŝino ne eblas ke mi prezentu intervjuon laŭ la kutima, rekta metodo de **LG.** Tamen mi preparis demandaron por la sinjoroj, kiuj promesis sendi iliajn respondojn al **LG.** Espereble la respondoj baldaŭ venos kaj aperos en la venonta numero de **LG.**

TEATRO

Jen la 3 teatraĵoj spektitaj de mi dum la Hungara Kongreso kadre de la 5-a Internacia Renkontiĝo de Esperanto-Teatroj.
„Pikniko sur la Batal-kampo" originale de Fernando Arabal prezentiĝis de Bulgara Esperanto-Teatro. Mi ne konis la verkon, sed mi dumspektade ekkonsciis, ke mi ne ŝatas ĝin. Kompreneble taksadso estas afero de persona gusto. Sed sencela bagateligo kaj frivoligo de interhoma batalado, almenaŭ laŭ la trupa interpretado, lasis en la aero stinkon. Eĉ senvalora dramo en mano de spertuloj povas transdoni interesan mesaĝon ian, etoson ian. Bedaŭrinde la bulgara ensemblo elektis roli laŭ metodo farsa, troiga, nereala. Tio efikis nur por plimalbonigi la verkon kaj pliperdigi la bonvolon de la spektantoj. La lingvo efektis arĥaike kaj pezis. La roladon mi ne povas kritiki, ĉar ĝi ne estis. Okazis nur bombastaĵoj, histrionaĵoj, troigoj. Laŭdindis la materialaj aranĝoj, tamen ...

La plej efika el la tri spektaĵoj estis la monologo „La lastaj bendoj de Krupp" de Samuel Beckett (Beket). Tiun verkon mi ankaŭ ne tro

ŝatas, tamen interesajn momentojn ĝi kapablas transdoni pere de lerta aktoro, kia estas la hungaro kiu ludis la rolon. Subite ni forgesis la teatron, la tempon, nin mem, kaj lasis, ke ni estu forportitaj al mondo de rolulo. La lingvo mem estis interesa, kaj ŝajnis natura. Do bona traduko kaj bona traktado. Dankon! (Mi ankaŭ lernis sukan sakraĵon novan).



*„Pikniko sur la Batal-kampo" de F. Arabal prezentiĝis de Bulgara Esperanto-Teatro*

La tria estis travestiaĵo prezentita de jugoslavino, kiu intencis (mi supozas) transmeti al ni ion pri la vivo kaj pensoj de Verda Majo, pere de ekstraktoj de ŝia verkaro.

Unue, eĉ je la pleja eletendo de imago, mi ne povas konjekti kialon pro kiu aktorino rolus „Verda Majo"-n, aŭ eĉ serioze priparolus ŝin, vestite en moderna, florumita „saltokompleto".

Due, ŝajnis ke nia aktorino ne estis preparita psiĥe, mense. Neniam ŝanĝiĝis trajtoj de vizaĝo, apenaŭ aŭdiĝis modulado de voĉo, kaj certe ne sentiĝis etoso, emocio kiujn oni ege volis senti pri Verda Majo, kiujn oni multe pli efike povas senti per legado. La rolantino ŝin, kaj nin, perfidis.

Trie, ĉu iu iam sciigis ŝin, ke sencela vagado, movado sur scenejo ĝenas, malatentigas kaj fine tedegas kompatindajn dramamantojn, kiuj devas trasuferi tiajn mizerigaĵojn? Pardonu, Verda Majo ...

Findirinte, mi hezitetas kritiki tiun junan en la internacia kulturo zorgendan artkampon. Ĉefe, ke mi ne volus senkuraĝigi tiujn, kiuj klopodas nutri la tiom bezonatan arton. Aliflanke ĝi neniam maturiĝos, neniam leviĝos al siaj riĉaj eblecoj, neniam laŭbezone nin frapos, se ni blinde, senkiale insistas ĉion laŭdi kaj aplaŭdi.

Mi plenkonscias pri la grandega laboro kaj kunlaborado necesa por realigi eĉ la plej „simplan" teatraĵon. Mi aplaŭdas la penadon, ĉiam. Tamen mi ne plu silentas pri kvalito. Se ni timas kritikadon, ni timas la veron, la vivon. Tion mi ne volas kredi pri la internacia kulturo. Kuraĝon! Malrezignu! Ĝin kreskigu!

*K. Jakobo*

Gratulojn al la solvintoj de la krucvortenigmo "KVE-10"

s-ro Lennart Persson (S)
d-ro Guido Holz (D)

## recenzo "INITIATION A L'ESPERANTO"

La unua rimarko kiun oni povas fari pri la lernolibro „INITIATION théorique et pratique à la langue internationale ESPERANTO" de d-ro Pol Denoel estas, ke ĝi, per sia modesta amplekso, ne timigas eventualan lernonton. Ĝi pli aspektas kiel broŝuro ol kiel lernolibro kaj ŝajnas, ke nur dek lecionoj estas kvazaŭ formalaĵo... sed atentu, laŭ mia opinio tiu lernolibro estas certe pli ol simpla iniciado, kaj la ekzercoj estas tiom bone pripensitaj, ke kiu serioze ilin faros atingos jam interesan nivelon, kondiĉe, ke li konsentu kelkajn klopodojn.

La libro de d-ro Denoel ne similas al kelkaj modernaj demagogiaj instruiloj, kiuj pretendas absolute senpene kaj sen praktiki gramatikajn demandojn instrui la lingvon. Ke oni estu adepto de rektaj aŭ nerektaj metodoj, oni devas agnoski, ke l'„Initiation à l'Esperanto", kiu apartenas al la dua kategorio, plene sukcesis en la formo kiu estas al ĝi propra. D-ro Denoel tre bone kapablis fari interesajn komparojn inter la franca kaj la Esperanta gramatikoj sen konfuzigi la lernanton, sed revigligante ĉe tiu lasta malnovajn gramatikajn sciojn, kiuj estas la plej firmaj bazoj por starigi novan konstruaĵon. Cetere mi devas aldoni, ke laŭ mia propra sperto pri instruado tio respondas al peto de multaj lernantoj, precipe maljunaj, kiuj bezonas konatan modelon por kompreni novajn regulojn...

El la tuta libro mi notis nur kelkajn detalojn pridiskutindajn. Sur paĝo 2 oni donas jenan klarigon pri la prononco de la litero ĥ : „Estas h kiu venas el la fono de la gorĝo. Ĝi estas malofta." Feliĉe! ĉar helpe de tia klarigo mi ne scias kiun sonon povas elgorĝigi la lernanto. En tiu kazo komparo kun aliaj naciaj mondkonataj lingvoj : Germana, Hispana, Araba kiuj pli malpli posedas tiun ĥ estus bonvena. Sur paĝo 15 oni renkontas Izraelo kaj sur paĝo 82 en la vortolisto oni trovas la formon Israelo (laŭ PIV Israelo = Izraelio). Nepre evitinda afero en lernolibro. Sur paĝo 22 oni klarigas ke en la franca lingvo la subjekto de la frazo troviĝas **ofte** antaŭ la verbo, kaj la rekta komplemento poste. Estintus pli saĝe diri ke la subjekto troviĝas **ĉiam** antaŭ la verbo kaj, ke nur tre malofte kaj escepte tiu situacio ne estas. Sur paĝo 77 : „Manjo ne sciis kiun el ili ŝi devis plej admiri : ĉu en la usona, ĉu en la **soveta** ...., ĉio estis mirinda." El kunteksto mi komprenis, ke temas pri landaj ekspozicioj, do verŝajne pri **sovetia** stando kaj ne pri stando de iu ajn loka soveto. Cetere sur paĝo 60 en la vortolisto oni bone klarigas, ke URSS = Sovetio.

Por pruvi, ke mi serioze pristudis la libron mi aldonos, ke mi rimarkis, ke mankas vorto en la lasta paragrafo de la antaŭparolo : „Tout, qui veut connaître suffisamment la langue ...". Sur paĝo 31 mi trovis la vorton „remercîement", kies franca ortografio estas fuŝa, kaj fine mi eksciis, ke la Esperanta jaro havas 11 monatojn, aŭ simple oni lasas diveni al la lernanto, ke la 12a nomiĝas decembro ĉar ĝi ne aperas en la vortolisto p. 39.

Laŭ praktika vidpunkto la libro povas tutegale esti uzata por kursoj, por perkorespondaj kursoj aŭ por memlernado ĉar ekzistas kasedo kaj solvaro pri la ekzercoj.

L'„Initiation à l'Esperanto" respondas do al ĉiuj bezonoj tiom de instruistoj kiom de lernantoj.

Modernigita, la metodo de d-ro Denoel neniel malsuperas al ĝiaj konkurantoj, kontraŭe ĝi havas malantaŭ si 50 jarojn da sperto kaj tutan aron da simpatiantoj kiuj lernis pere de ĝi kaj kiuj pretas ĝin apogi. Ĉi tiu 6a eldono verŝajne ricevos saman sukceson kiel la antaŭaj, mi tion antaŭvidas kaj deziras.

***B. Loter***




# KIEN NI IROS

**JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO EN GRAZ** (A), de la 18a de julio ĝis la 25 de julio 1987a. La plej elstara aranĝo de la jubilea jaro kun ege ambicia programo. La ĉeftemon de la konferenco pritraktos **dekduo da famaj lekciistoj.** Sed ne ĉiuj amas la ege seriozajn lekciojn. Ankaŭ ne ĉiuj regas Esperanton jam sufiĉe bone por kompreni ilin. La JEK estas **por ĉiuj Esperantistoj, „ĝi ne estas aranĝo de ICNEM, nek de UEA, nek de SAT, nek de kiu ajn alia esperanto-organizaĵo"**, sekve ĝi estas ankaŭ memorfesto kaj esprimebleco por komencantoj kaj progresantoj, junuloj kaj maljunuloj. Okazos do **paralela programo** por ili.
Rektmetoda kurso por lerni aŭ perfektigi sian Esperanton estos gvidata de **S-ino Maria VITALYOS** (D).
DUONKOTIZOJ POR KONFERENCANOJ EL ORIENTA EŬROPO, EL EVOLULANDOJ KAJ POR ĈIUJ RIFUĜINTOJ. LA JUNULARGASTEJO AKCEPTAS ĈIUJN, KIUJ DEZIRAS TIE TRANOKTADI. Aliĝkotizoj : por konferencano 800 As (=55 ekuoj), por paro 1400 As (=94 ekuoj), por junulo 600 As (=39 ekuoj). Informu vin ĉe : JEK, d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ, Aŭstrio.

### DEFINITIVA PROGRAMO DE LA LEKCIARO

LUNDON, la 20-an de julio
**9-a h.** D-ro A. Albault, Prezidanto de la Akademio de Esperanto: „100 Jaroj de Evoluo de la Internacia Lingvo (Esperanto)"
**10-a** h. Prof. J. Régulo Pérez (Ak): „100 Jaroj de Propra Esperanto-Frazeologio"
**11-a** h. C. Gacond (en kunlaboro kun D-ro Fresard): „100 Jaroj de Esperanto Instruado" (kun lumbildoj)
**12-a** h. D-rino M. Boulton (Ak): „100 Jaroj de Originala kaj Traduka Esperanto-Prozo"

MARDON, la 21-an de julio
**9-a h.** B. Ragnarsson (Ak): „100 Jaroj de Originala kaj Traduka Esperanto-Poezio"
**10-a** h. Prof. D-ro P. Neergaard, Vicprezidanto de la Akademio de Esperanto: „100 Jaroj de Esperanto en la Servo de Naturaj Sciencoj"
**11-a** h. D-ro E. de Zilah: „100 Jaroj de Esperanto en la Servo de Sociaj Sciencoj kaj Filozofio"
**12-a** h. Mag. H. Mayer: „Sciencaj Esperanto-Institucioj, Kulturaj Centroj kaj Bibliotekoj"

ĴAŬDON, la 23-an de julio
**9-a h.** J. Thierry, Sekretario de la Akademio de Esperanto: „Cent jaroj de Esperanto en Servo de Kulturaj Interŝanĝoj, Praktikaj Celoj kaj Internacia Solidareco"
**10-a** h. W. Zelazny: „100 Jaroj de Socia Penso en Ligo kun Esperanto"
**11-a** h. Prof. d-ro I. Lapenna (Ak): „100 Jaroj de Parola Esperanto-Kulturo"

**Ĉefverkoj en la Graz-a Joanneum-muzeo: p.30-32**

## LA DEKERARA TEKSTO

Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de Jean FORGE. Ĉu vi kapablas ilin retrovi? En ĉi tiu sama n-ro de **LG** vi trovos ankaŭ la espereble senerarigitan tekston, kiun ni prenis el la libro „La Verda Raketo".

*Kiam mi eniris la kunvenejo de la Esperanto Klubo „Fulmotondro", mi ekvidis scenon, kiu absolute praviĝis la nomon de tiu klubo. Mi ne tuj devenis, pro kio cent homoj leviĝis de iliaj seĝoj kaj kun ruĝaj kapoj kriis, mokridis, fajfis, manklakis unu kontraŭ la alia — anstataŭ trankvile drinki sian kafon aŭ limonadon servatan ĝentile per samideano Mopŝ, profesia kelnero, speciale deforata por la esperantistoj. La tumulto en la salono estis tiel granda, ke eĉ la sonorilo de la blankhara prezidanto Fontane ne estis aŭdebla.*

## LA KVINPETALO

Situas en romanika regiono kaj preĝejojn, abatejojn, katedralojn oni povas admiri en diversaj vilaĝoj kaj urbetoj. Kasteloj estas ankaŭ vizitindaj (12a - 18a jarcento), same kiel galoromiaj restaĵoj.
La proksima malnova urbo Poitiers allogas kun siaj gravaj monumentoj ĉe mallarĝaj stratetoj.
Venu en la Kvinpetalon, ĉu por staĝi, ĉu por ripozi kaj ferii.

**Someraj staĝoj**

- 23-28JUL87 : Ĵurnalisma grafiko. Celo : formi grafikajn kunlaborantojn por E-o periodaĵoj (Perla Martinelli);
- 30JUL-4AŬG87 Historio de la Esperanto-Komunumo. Celo : prepari kandidatojn al la diplomoj de FEI (Giorgio Silfer);
- 6-11AŬG : Staĝo pri bendoteatro. Celo : formi geaktorojn pri surbendigotaj teatraĵoj (Giorgio Silfer);
- 11-16AŬG : Stud-, ripoz-, turismstaĝo : „Hura" de J. Baghy (gvidata de Pierre Babin); „Regulus" de Lorjak (gvidata de Georges Lagrange). Lorjak ĉeestos parton de la staĝo. Aparta kurso por la komencantoj kaj progresantoj pere de „La Verda Koro" de J. Baghy (gvidata de S. Bourot).

Prezo : aliĝo + tranoktado + manĝoj = 620 FF (90 ekuoj). Adreso : Societo YVONNE MARTINOT, Route de Civaux, F-86410 BOURESSE.



*Preĝejo Nia Sinjorino La Granda (Poitiers)*



*G. Silfer antaŭ la ĉefa domo de La Kvinpetalo*

LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj **LG** nomas ilin „**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, „26Ds" signifas : „26 germanaj markoj el Federacia Germanio".

*1 EKUO VALORIS JE 2 JUN 87*

| | | |
|---|---|---|
| 14.61 As | 6.932 Fs | 2.340 NLs |
| 1.645 AUSs | 0.699 GBs | 162.3 Ps |
| 43.02 Bs | 155.0 GRs | 216.2 PLs |
| 1.516 CDNs | 49.97 Hs | 7.228 Ss |
| 1.718 CHs | 1501 Is | 5.028 SFs |
| 6.295 CSs | 1.619 ILs | 345.9 TGs |
| 2.076 Ds | 43.92 ISs | 0.904 TNs |
| 7.811 DKs | 165.1 Js | 828.3 TRs |
| 5.069 DZs | 43.02 Ls | 1.143 USAs |
| 144.7 Es | 7.698 Ns | 495.7 YUs |





## LITERATURA MANIFESTO '87

Ni, esperantistoj, festas la signifan daton de la cent-jara jubileo de Esperanto. Kaj fakte temas pri evento vere celebrinda, ĉar ja io mirakla pulsas en la lingvo, se konsideri, ke de la momento mem de sia naskiĝo ĝi sukcese kapeis tra detruaj ŝtormoj kaj ĉio-renversaj uraganoj. Estas plej miriga kaj paradoksa fenomeno, ke ĉi ŝtormoj kaj uraganoj koviĝis ankaŭ en la esperantistaj medioj, t.e. en la sino de Movado, kiu levas la standardon de Esperanto kiel signon de interhoma paco kaj de universala frateco.

Ke Esperanto tamen ne splitiĝis en mil pecojn pro la negativa kaj miopa laboro de multaj esperantistoj, ŝuldiĝas unua-loke al la genia antaŭvido de Zamenhof. Li rigardis la literaturon baza premiso por la disvolvo de la lingvo kaj per siaj verkoj originalaj kaj tradukaj donis al ĝi, la necesan koheron. La cent-jara tradicio beletra de Esperanto konstituas la rokon kontraŭ kies granitan mason frakasiĝis sinsekvaj generacioj de reformuloj de la sintakso, de la morfologio, de la ortografio kaj eĉ de la baza strukturo de la lingvo.

Cent jarojn post la naskiĝo de Esperanto, la ĝenerala situacio de la Movado esence prezentas la saman panoramon kiel en la fruaj tempoj. Nun, kiel tiam, la ekstera mondo plu ignoras nin aŭ maksimume nin rigardas sektanoj iomete folaj kaj iomete ridindaj. Nun, kiel tiam, oni proklamas denove la samajn argumentojn, jam mil-foje ripetitajn, por la totala esperantigo de propraj nomoj, por la ignoro de la gramatika karaktero de la radikoj, por la ŝanĝo de la aspekta verbo-sistemo al la tempa interpreto kaj por la enkonduko de alfabeto sen diakritaj signoj.

Aliflanke, kiel reeĥo de la pratempa Esperanto, eĉ eminentaj esperantistoj plu tamtamas, ke pro la senfine vorto-krea kapablo de la afiksa mekanismo, la enkonduko de neologismoj estas nociva balasto por la lingvo, kvankam tion klare dementas la fina rezulto de multaj originaloj kaj tradukoj en Esperanto. Ĉi kulto al rudimenta lingvo tuj trovas favoran eĥon, ĉar tiaj esperantistoj flatas la intiman deziron de granda parto de la verda popolo, kiu volas uzi la lingvon nur kiel plaĉan hobion aŭ kiel simplan ludilon, montrante tiel kuriozan trajton de intelekta dikotomio pro tio, ke ili sentas nur ĝenon antaŭ la pompo kaj pletoro de siaj propraj naciaj lingvoj kaj aŭtoroj, nek antaŭ la senĉesa plimultigo de neologismoj en naci-lingvaj vortaroj, sed energie reagas kontraŭ la provoj doti Esperanton per tiom da esprim-eblecoj, kiom ĝi bezonas por konkurenci sur sama nivelo kun la naciaj lingvoj.

Lasta-tempe kelkaj famaj aŭtoroj, iam kreintoj de ne pokaj neologismoj, nekonsekvence pruntas siajn voĉojn al la ĥoro de partianoj de la hobia Esperanto. Tiel agis Baghy en la tridekaj jaroj, kiam li solidariĝis kun la amaso de eternaj komencantoj por bojkoti la tiutempe novan, kaj renovigan, lingvon de la genia Kalocsay.

Ĉar la kritikoj de la nunaj anatemantoj direktiĝas ĉefe kontraŭ la aŭtoroj originalaj kaj tradukaj, en poezio aŭ en prozo, kies plej signifaj verkoj publikiĝis/as ĉe la eldonejo Iltis, necesas prezenti la principojn de la membroj kaj simpatiantoj de la t.n. Iltisa Skolo rilate la esperantan beletron kaj rilate la lingvon ĝenerale.

*1 La Iltisa Skolo fidelas al la reguloj de la Fundamento de Esperanto.*

*2 La Iltisa Skolo inspiriĝas rekte en la artismo de la Budapeŝta Skolo kaj ĉefe de ties korifeo Kalman Kalocsay.*

3 *La Iltisa Skolo konscias, ke nia beletro, kaj nia lingvo entute, bezonas por sia plua evoluo kaj nuanca riĉiĝo daŭran enkondukon de neologismoj kaj de parolturnoj por familiaraj, vulgaraj kaj slangaj esprimoj. La Iltisa Skolo daŭrigas tiel la tradicion riĉigi la lingvon laŭ la ekzemploj kaj la konsiloj de Zamenhof kaj de niaj plej brilaj aŭtoroj.*

4 *La Iltisa Skolo laboras por progresemaj aŭtoroj kaj legantoj kaj atendas, ke ĝiaj kontraŭuloj kondutu rilate al Esperanto kiel rilate al la propraj naciaj lingvoj, t.e., ke ili ne pretendu influi sur literaturon, kiun ili ne favoras, kaj legu nur tion, kio plaĉas al iliaj lingvaj kaj estetikaj preferoj.*

5 *La Iltisa Skolo strebas uzi lingvon ĉiam pli riĉan, pli suplan, pli elvokivan, pli naturan, pli kapablan redoni al la tradukoj la tutan vivon kaj freŝon de la nacilingvaj tekstoj, kaj laboras kun la intenco fari ĝin multe pli taŭga kaj adaptebla al la originala verkado en Esperanto.*
*La Iltisa Skolo aspiras ĉefe esprimi sin plej klare, koncize, kaj simple en la formo, eĉ se okaze la temoj ne prezentiĝas facilaj kaj simplaj. Ankaŭ la slava spirito de Esperanto pledas por stilo simpla, klara kaj konciza, kiel eminente montras la traduka genio de K. Bein (Kabe).*

6 *La Iltisa Skolo ne povas preni serioze la protestojn de kelkaj aŭtoroj kontraŭ novaj vortoj, ĉar ili mem uzas ne pokajn neologismojn en kruda kontraŭdiro al siaj konfesataj konvinkoj, aŭ koncedas, ke oni uzu neologismojn, sed prudente kaj en etaj dozoj, kvankam ili neniam determinas, kiom la prudento permesas, kaj kiom devas esti la etaj dozoj.*
*Kiel respondecaj esperantistoj kaj aŭtoroj, la Iltis-skolanoj, gvidataj ankaŭ de sia artisma sento, tre bone konscias, ke la lingvo, pro sia specifa naturo, ne toleras troan akcelon evoluan sen risko de skismiĝo.*

*La Iltisa Skolo turnas sin al esperantistoj, kiuj favoras ĝian pozicion, kaj invitas ilin subskribi ĉi Manifeston kaj kunaktivi kontraŭ la rutino, la inercio kaj la involuciaj tendencoj forte manifestiĝantaj, ankoraŭ en la cent-jara dat-reveno de Esperanto, en multaj verkoj originalaj kaj tradukitaj kaj en la kritikaj taskoj de kelkaj recenzistoj.*

# faktoj pri la neuzado de "ci"

En sia artikolo „Humana hurlo" (Venezuela Stelo, 1984, n-ro 31, pĝ. 10-11) Espartako Gabalda faras la aserton, ke „se esperantistoj ne ciumas estas tute simple, ĉar oni kaŝas al ili la ekziston mem de **ci**." Ĝis nun mi ne aŭdis, ke **ci** estas speco de tabuvorto en Esperanto. Anstataŭ spekulativi, ĉu esperantistoj „kredas, ke ĝi estas nekonvena neologismo" aŭ ke ili malkovras ĝin post longa uzado de **vi**, ni rigardu en kelkajn modernajn lernolibrojn por ekscii, ĉu la aŭtoroj efektive provas „kaŝi" tiun pronomon.

W. J. Downes, membro de la Akademio de Esperanto, en sia anglalingva lernolibro Esperanto, the International Language (Londono, 1983) listigas la personajn pronomojn sur pĝ. 14 kaj aldonas jenan noton: **ci** estas tre malofte uzata; **vi** estas uzata por **you** singulara kaj plurala. Sur pĝ. 18 la posedaj pronomoj inkludas ankaŭ **cia** (thy, thine) sen plua komento aŭ ekzemplo de la uzo.

István Szerdahelyi estas konata ĉie en Esperantujo pro sia laboro sur la tereno de la instrumetodologio de Esperanto. Li verkis tre sukcesan lernolibron por junuloj inter 10 kaj 14 jaroj. En la unua volumo Eszperantò Nyelvkönyv (Budapeŝto, 1966) la pronomoj mi, vi, li, ŝi, ĝi aperas jam en la dua leciono. En §27 de la gramatiko troviĝas jena noto: „La ciuma pronomo: **ci** = te ne estas uzata; nur se ĝi estas esenca en literaturaj tradukoj (**cidiri** = tegezni)." Ankoraŭfoje ni vidas, ke ne estas iu komploto „kaŝi" la ekziston de **ci**.

Furora lernolibro por hungaroj estas 30 nap alatt eszperantoul (Esperanto en 30 tagoj) de Jozefo Horvath (Budapeŝto, 1979). La personaj pronomoj sur pĝ. 23 estas: **vi** (**ci**) – te, ön, kaj **vi** – ti, önok. Rimarku, ke **ci** estas enkrampe presita. Sekvas jena klarigo : „En Esperanto ne estas aparta ciumado kaj viumado. Ĉiam estas uzata **vi**, kies signifo povas esti egale te aŭ ön en la singularo kaj ti aŭ önök en la pluralo. **Ci** = te. Tiu ĉi formo nur malofte aperas en literaturaj verkoj. Ĝi estas uzata, nur kiam ne estas klare en la teksto, ke temas pri ciumado aŭ viumado. En la ĉiutaga konversacia lingvo ĝi same neniam estas uzata." Ankaŭ tiu ĉi aŭtoro realece prezentas la funkcion de **ci** en la vivanta Esperanto.



*Bernard Golden*

Estas bedaŭrinde, ke nek s-ro Gabalda nek „la humana poeto" Jacques Preveret ne partoprenis en la enketo organizita de Zlatko Tisljar pri la ĉiutaga konversacia lingvo. En 1979 Tisljar ellaboris frekvencvortaron de la parolata Esperanto surbaze de surbendigitaj konversacioj de diverslandaj esperantistoj, ĉefe en ĉiutagaj cirkonstancoj Frekvencmorfemaro de Parolata Esperanto (Zagreb, s. d.). Korpuso de proksimume 25 000 vortoj estis komputere prilaborita. Tiu materialo estis kompilita surbaze de konversacioj de plenkreskuloj, junuloj, infanoj kaj familiaj grupoj. Inter 14 diversaj gepatraj lingvoj parolataj de la partoprenantoj, mi opinias, ke nur la angla ne havas pronomon ekvivalentan al ci. (Temas pri la nuntempa angla lingvo, ĉar la arkaika pronomo thou antaŭ longe elmodiĝis.) La listo de morfemoj montras, ke **vi** estis uzata 643 fojojn; ĝi havas

la 14-an oftec-pozicion inter la 25 000 vortoj. Male, ci ne **estis uzata eĉ unu fojon!** Eĉ ne en la hejmaj konversacioj. Eĉ ne inter junuloj. Eĉ ne dum la legado de rakontoj al infanoj. Tiu statistiko estas multe pli elokventa ol la klarigoj verkitaj de la aŭtoroj de Esperantaj lernolibroj, ĉar ĝi montras, kiel vere statas la parolata lingvo en Esperantujo.

Nun ni turnu nin al la literaturo por kompari originalajn tekstojn kun la Esperantaj versioj. Mi elektis po unu verkon el la hungara kaj hispana literaturoj. La unua estas klasikaĵo de la internacia infanliteraturo, la romano A Pàl utcai fiuk de Ferenc Molnàr. La hungara esperantisto Ladislao Spierer tradukis ĝin kun la titolo La knaboj de Paŭlo-strato, kaj ĝi estis eldonita la unuan fojon en 1937. En la hungara teksto ĉiuj indikoj de ciumado (pronomoj, verbaj fleksioj kaj sufiksoj) estas substrekitaj.

— Màr kijavìtottàk. Nemcsak hogy kijavìtottàk, de csupa nagybetuvel ìrtàk be a nagykònyvbe a nevedet

— Ez nem igaz. Ezt te nekem csak azért mondod, mert beteg vagyok, és meg akarsz vigasztalni. /.../ Most még a szavàdat is adod a hazugsàgra, hogy megvìgasztalj."
— De . . .
— Ne beszélj!

*„Ili jam korektis ĝin. Eĉ ne nur korektis ĝin, sed la tutan nomon ili skribis en la granda libro per majuskloj.*
*„Tio ne estas vera. Nur tial vi diras al mi, ĉar mi estas malsana kaj vi volas konsoli min. /.../ Nun vi donas eĉ vian honorvorton pri la mensogo, por min konsoli."*
*„Sed. . . "*
*„Ne parolu!"*

En la hungara originalo estas pli da ciumado ol viumado en la Esperanta traduko: unu pronomo, 5 verbaj fleksioj kaj 2 sufiksoj. En la tradukita teksto vi aperas 3 fojojn, **via** unu fojon, la anstataŭ vi unu fojon, kaj en du verbaj konstruoj la pronomo vi estas subkomprenata.

La dua peco venas el unu el la ĉefverkoj de la hispanamerika literaturo, la romano Dona Bàrbara de Ròmulo Gallegos. La venezuela esperantisto Fernando de Diego tradukis ĝin en Esperanton, kaj ĝi estis eldonita de Venezuela Esperanto-Asocio (Caracas, 1975). En la hispana teksto ĉiuj indikoj de ciumado (pronomoj, verbaj fleksioj) estas substrekitaj.

— !Luzardo! !Santos Luzardo! ?Tu por aqui, chico?
Mas, como Santos no correspondiese a sus amistosas demostraciones ya para abrazarlo, se detuvo frenta a él y lo interpelò.
— ?No me conoces?
— Pues, francamente...
— Recuerda, chico. Procura recordar... Mujiquita, chico! ?No te acuerdas de Mujiquita? Condiscìpulos en la Universidad, en el primer ano de Derecho.
No lo recordaba; pero habrìa sido una crueldad dejarlo con los brazos abiertos /.../
— ?Y qué buscas por aqui?
— La Jefatura Civil. /.../
— Has de saber que estàs hablando con el secretario.
— !Ah! ?Sì? Pues celebro haberme tropezado contigo — dìjole Santos /.../

*— Luzardo! Santos Luzardo! Ĉu vi ĉi tie?*
*Ĉar Santos ne respondis al tiaj amikaj elmontroj, la ekkriinto, jam preta por lin brakumi, detenis sian geston kaj demandis:*
*— Ĉu vi ne rekonas min?*
*— Nu... vere...*
*— Memoru, homo. Streĉu vian cerbon. Mi estas Mujiquita, homo! Ĉu vi memoras pri Mujiquita? Ni estis kunlernantoj ĉe la universitato, en la unua jaro de juro.*
*Santos ne memoris lin, sed pensis, ke estus kruele lasi lin kun la brakoj malfermitaj. /.../*
*— Kaj, kion vi serĉas ĉi tie?*
*— La prefektejon. /.../*
*— Sciu, vi parolas kun lia sekretario.*
*— Ĉu jes? Nu! Mi ĝojas, ke mi renkontis vin — diris Santos /.../*

Ankoraŭfoje okazas, ke en la originala teksto estas pli da ciumado ol viumado en la Esperanta traduko: tri pronomoj (tu, te, contigo) kaj sep verbaj fleksioj. En la tradukita versio **vi** aperas ses fojojn, **via** unu fojon, kaj ĉe unu el la imperativoj, „memoru", la pronomo **vi** estas subkomprenata.

La Esperantaj frazoj en ambaŭ tradukoj legiĝas tute nature, kaj oni povas kompreni la etoson de la konversacio, jen inter du knaboj, jen inter du malnovaj konatuloj de la universitata tempo, sen la bezono de **ci** en Esperanto. Provu relegi ambaŭ tradukojn, anstataŭigante **vi** per ci. Ĉu la tekstoj estas pli signifplenaj? Ĉu vi komprenas ilin pli profunde? Aŭ ĉu viaj oreloj ekvibras pro la konstanta, agacanta ci-ci-ciado?

Bernard GOLDEN

---



# TAMEN LA UNUIĜO DE EŬROPO PROGRESAS!

*P. H. van Terwisga*

La ĉefartikolo de „La Fenomeno", verkita de la fenomena FEN-prezidanto, mag. F.Winkel iomete mirigas min. La aŭtoro propagandas la uzadon de Esperanto kiel bazan lingvon por ĉiuj oficialaj dokumentoj, ktp..., en la Eŭropa Komunaĵo. Tiu ĉi ideo agordiĝas kun tiu de s-ro Ralph Harry el Aŭstralio, ties eks-ambasadoro ĉe la U.N. Do, jen! La dokumentoj, ktp. poste troviĝas en la sennombraj tirkestoj, kie ili tamen absolute ne utilas, se ne por...

Ĉu s-roj Winkel kaj Harry ambaŭ forgesas, ke tiuj dokumentoj estas legendaj! Tio tamen nur eblos, se ĉiuj delegitoj, politikistoj, dungitoj, ĵurnalistoj kaj ceteraj interesitoj sufiĉe aŭ eĉ elstare scipovas la Internacian Lingvon, aŭ se ili estas tradukataj tuj poste en ĉiujn naciajn lingvojn! Tiu lasta tamen vere eblas, eĉ senpene!

La samaj buŝ- kaj/aŭ plum-tradukistoj, kiuj kapablas esperantigi la koncernajn tekstojn de la diverslingvaj parola(i)ntoj aŭ skribintoj kompreneble ankaŭ kapablas re-traduki (buŝe kaj/aŭ plume) la E-tekstojn en iliajn naciajn (etnajn) lingvojn! La sola diferenco do estos, ke ili laboru anstataŭ trinki litrojn da kafo! Ĝuste tial la kostoj ne superos tiujn de la antaŭe menciita sistemo Harry-Winkel! La tradukistoj/interpretistoj ja jam ĉeestas kaj jam estas pagataj ankaŭ kiam ili trinkas kafon!

Kroma avantaĝo estas, ke ĉiuj tradukistoj (b- kaj p-) tradukos el aŭ en sia(n) propra(n) etna(n) lingvo(n) kaj ĉiuj aplikos la saman, kiun s-ro Winkel nomas **transport**lingvon (aparte koncerne maŝintradukadon).

Mi tamen preferas la nomon „pontolingvo", ĉar tiel ĝi estas nomata en la unua publikaĵo, lanĉita en Kumrovec (J. Sl.), jam en 1975. Mi do ne estas ĝia inventinto, kvankam ankaŭ en mi ekestis la sama ideo. En la publika sesio de la Eŭr. Esp. Unio en Augsburg s-ro Umberto Stoppoloni el Pistoia (Italujo) verve defendis mian opinion. Antaŭ kelkaj jaroj mi prelegis pri ĝi en Driebergen (NL).

En KEG estis publikigata artikoleto sub la titolo „Eblecoj kaj maleblecoj".

La lastmencienda avantaĝo estas, ke ĝi estas aplikebla ankaŭ nur parte, ekz. en Eŭropo nur fare de la malgrandaj landaj-lingvoj (Nederlando estas unu el ili).

**La malmolkapaj, obstinaj grandaj landoj** do povos daŭrigi je la antaŭa stulta maniero; la malgrandaj tamen, kiuj kaŭzas la plej multajn kaj gravajn malfacilaĵojn tiukaze spertos la plej multajn avantaĝojn!

Tiun sistemon mi nomas la PPP-LS, la Parta Peresperanto Ponto-Lingva Sistemo. Laŭ mi enkonduko de ĝi estas la plej malgranda paŝo, farebla favore al la lingvaj servoj de la EK, UN, UNESKO, Ne-Aliancaj Landoj, Ĉinio, eĉ en la Sovetia imperio. Fine mi citas Fr-inon Anne Tilmont, kiu tute prave rimarkis, ke nur la plej malgranda paŝo havos ŝancon esti realigata!

Propagandu ni do tiun Kumrovecan ideon! Unuavice en Esperantio!!

*P.H. van Terwisga*





## ĈU NI ESTAS BLINDAJ?

En intervjuo en „Heroldo" (8JUN86) Baldur Ragnarsson, dirinte, ke „Ombro sur interna pejzaĝo" de Spomenka Štimec „Multe mirigis min /.../ mi estis vere kortuŝita", aldonis ke „ankaŭ la romanoj de István Nemere min multe interesas, kaj mi opinias lin vera talento". Ĉu tio estas laŭdo? Aŭ konstato, ke aliaj laŭdas? Ragnarsson daŭrigas, ke „certe iuj el liaj verkoj samnivelas kun nacilingvaj romanoj" – kio povus esti tute ne laŭdo (pri kiaj nacilingvaj romanoj temas?!). Sed restas impreso, ke li volas laŭdi ankaŭ Nemere.

Kial? Pri Nemere mi legis multajn recenzojn, sed neniu diras, kial la romanoj estas bonaj. Kritiko en Esperanto ŝajnas esti senrimeda pri sufiĉe glata prozo, nek kaprica nek fuŝa – ni ne scias, kion diri pri la libro mem...

La plej laŭdata romano de Nemere estas „La Blinda Birdo". Mi mem ĝojis, komencante ĝin. Mi ĝuis la kontraston kun la ĵus legita Lorjak (kiun mi tre ŝatas) : ankaŭ pri nuntempa politiko ni kapablas verki bone, ĉu? Eble la „diabla" Sud-Afriko, kiun ĉiuj konsentas kondamni, prezentos taŭgan pretekston por ĝeneralaj kritikoj?... Sed de paĝo al paĝo mi sentis agacon.

Facile diri, kial oni laŭdis ĝin : ĉar facilanimajn laŭdojn motivigas tio, ke ĝi „temas pri batalo kontraŭ rasa diskriminacio" (Laŭlum), „unu el la naŭzaj abscesoj de la homaro" ktp. Sed tio estas nur la temo. Kaj tia temo povas bedaŭrinde ĉantaĝi recenzanton. Eŭropa verkisto penas helpi sudafrikan kolegon en malliberejo. Bone. Fine „post pli profunda kono pri la situacio Sven Viborg revenis al sia hejmlando kaj komencis aktive helpi la partizanojn per medikamentoj" (Laŭlum).

Tio estas ebla konkludo. Sed jen la tubero : ĉu vere „pli profunda kono"? Kio do okazas? Sven, el „Skandio", aŭdas la nigrulon Govan paroli dum kongreso – kaj sentas konsciencriproĉojn. Sven estas eksĵurnalisto, kiu verkis kvin romanojn profite. Pri la temoj ni nenion scias, nur ke ili nombras 5. Li revas pri Nobel-premio. Tute nematura homo do. Li invitas la nigrulon hejmen malgraŭ duboj, ke hontigos lin la monavida kunulino; kiam Govan venas duan fojon, tiu kunulino estas for. Ne mirinde, ke ŝi ne eltenis dialogon „Kial oni verkas?" („Lasu jam la fanfaronadon", grumblis Anne /.../ Rigardu prefere la arbojn!" – p. 20-21). Sven verkis 5 romanojn dum 2 jaroj; poste dum 2 jaroj, renkontinte Govan, supozeble li ne finas sesan. Du krizoj : post la unua li facilanime verkos, post la dua ne... Dum la dialogo Sven kaj Govan ŝajne konsentas pri l'unua krizo, ili spertis same – kio strange sonas, ĉar ofte temas en la libro, ke ne povas same profiti nigra verkisto.

Ankaŭ pri la verko de Govan ni scias malmulton (krom la mesiema parabolo pri la blindiĝantaj birdoj) – malpli ol pli blanka sudafrika verkisto, kiu „plu verkaĉu siajn sekshistorietojn", „en malverŝajna medio". Sed la svedo traktas Govan kiel majstron. Bone. Temo, kiu povus esti interesa : lernanto kaj heroo.

Sven „Estas verkisto, do ne vidas kiel aliaj". Kaj verkistojn ĝenerale li malestimas. Li ŝajne malkontentas ankaŭ pri gazetoj, kie „kriegas



# NI RIDETU

artikoltitoloj kvazaŭ-objektivaj, tamen en la legantoj vekantaj insidan ribelon." Sed li mem kutimas pensi tiamaniere : eĉ en Sudafriko mem ĉio kvazaŭ fontus el gazetinformoj, ne realaj spertoj. Li fantazie vidas sin „ŝtalpugna kavaliro". Ĉu li ironias? Eble jes, eble ne. Regas nigrablanka filmetoso, kiun Nemere multfoje substrekas – sed ĉu sufiĉas tia ironio, ĉu pro tio oni rajtas verki sen realaj spertoj?

Ĉu konkludi, ke la libro apenaŭ temas pri Sudafriko – sed pri la fantazioj de naiva laboristo de literaturindustrio, kies nescio supozeble montrus lin absurda al hungaraj legantoj? (la libro ja aperis antaŭe en la hungara). Ĉu pravigi la malestimatajn verkistojn, kiuj plendis, ke li ne enmiksu sin en tiajn aferojn? Kaj ĉu fine pri la morto de l'heroo kulpas li? Li neniam •ekkonscias tion; sed povas esti, ke kiam, dank'al lia mono, „liberiĝis" Govan (kiu poste mortis dum operacio) oni fakte lin transportis al hospitalo, kie en pli bonaj kondiĉoj operacio sukcesus? Sven volis savi amikon – sed kreis martiran heroon por liberbatalantoj? Tio laŭ mi estus logika konkludo – sed ĉu tiel oni fakte legas la libron? Mi atendas rebatojn!

La temo estas serioza. Laborante por Amnestio Internacia mi ofte cerbumas mem, kiom oni rajtas interveni en aferojn en apenaŭ konata lando. Bedaŭrinde tie ĉi rezultis libro, kiun oni ŝajne miskomprenis.

Sen tia konkludo restus granda morala demando : Nemere verkis romanon kontraŭ lando, kiu estas tute klare Sudafriko (Pretville, Yoburg – malkaŝe ni parolu!) kaj samtempe fantazia lando, pri kiu li nenion realan povas skribi. Ĉu tio estas akceptebla en Esperantujo? Laŭ mi ne. Pri Sudafriko verku sudafrikanoj. Sed Nemere parolas pri eŭropa naivo. Ĉu ne?

*Kris LONG*

---




# modelo de kritiko

*(Arkivaĵo el „LINGVO-LIBRO", senpaga suplemento al „Literatura Mondo", n-ro 4, 1934a)*

Objektiva kritiko? Ba! Elmodiĝanta ŝimaĵo! Kritikisto devas montri sian animon. Se tiu animo estas nigra, tio ne gravas; ĉiu povas montri nur tian animon, kian li havas.

Mi insiste avertas ĉiujn verkistojn, ke en tumulto ili paŝadu singarde. Kiu scias? eble ili tretos hazarde sur kalan piedfingron de kolombgala kritikisto, kaj poste, se ili riskas verki libron, ili havos ja surprizon! Jes, ili eble ricevos tian recenzon, kia estas la suba, kiun ni interpretas iom libere laŭ la originalo legebla de ĉiuj en la lasta (oktobra) numero de la FOTOMOOTO INTERNACIA.

Jen, legu, kia estas io, kio estas, laŭ la FOTOMOOTO, Literatura Kritiko.

MOTKRIBRO DE TAKTIKA VESPERKANTISTO DE T.B.C. „Tempester". 128 pĝ., prezo svfr. ktp.

Mi vokas al la konscienco de l' mondo, al la ostoj de niaj karmemoraj pioniroj, al la Ligo de Nacioj, al ĉiuj Saloficejoj de la terglobo, al la tuta mizere baraktanta homaro kaj homaranaro, al la Domo de la Homamo, al ĉiuj, kiel oni diras angle, „Everybody". Mi alvokas, alkrias, alhurlas ilin, ke ili indignu kaj protestu kontraŭ la neeldirebla honto kaj abomena krimo kaj satana animmurdo kaj malnobla malhonoro kaj apokalipsa abomeno, kiu frapis ilin alvange kaj kiu minacas pereigi nian kulturon verdan kaj malverdan, la pacon de la mondo kaj niajn esperojn je pli bela estonteco. Miaj haroj stariĝas, frosto trakuras mian spinon, kiam mi eldiras la apenaŭ eldireblan naŭzaĵon : aperis fiega filibro el la malpura kaj malnobla plumo de la kretena fripono T.B.C. Tempester. Ve, ke troviĝis papero, kiu toleris sian malpurigon; eldonejo kulpega, kiu akceptis; kompost-

isto, kiu kompostis; maŝino, kiu malice presis, bindisto, kiu aŭdacis bindi ĉi tiun aglomeraĵon de koto, muko kaj puso.



Por montri la senfundan kaj nesondeblan maron da malico, malnoblo, malpio, malhonesto, malpravo kaj malbravo en kiu naĝas tiu prikraĉinda kaj piedpuŝinda Tempester, dronante en ĝi ĝis sia malpura kolo, mi mencias nur, ke en la nedigestebla putrasaŭco, kiun misintence, false kaj fie li prezentas al ni kiel **libron** (ha-ha-ha! mi ridegas amare!), do, en tiu **libro** troviĝas plurfoje la nomo de **Ivan Sull**. Nu, foje mi parolis kun tiu Ivan Sull pri la vermo Tempester, kaj li – aŭdu – tri foje palpebrumis!!! Karaj legantoj, vi sufiĉe ja ekzercis vian cerbon por la lego de miaj erudiciaj pritraktadoj filozofiaj (mia modesteco min manhelpas laŭdi ilin), por ke vi tuj vidu kaj rekonu, kian piramidan misecon de la malhomo Tempester pruvas tiuj 3 (tri) palpebrumoj. Kio povus pruvi pli klare kaj evidente ke li, pliĝuste **ĝi** estas senhonta arogulo, impertinenta azeno, hirudo kaj vipuro, arkifripono kaj protokanajlo, rompŝtelisto kaj voluptmurdisto? Kiu bezonus pli evidentan pruvon pri tio, ke ĝia libro estas krimo kontraŭ la plej noblaj aspiroj de l' homaro kaj humaneco?

Mi absolute rifuzas recenzi tiun libron, mi ne scias ĝin recenzi, ĉar la plumo rompiĝas inter miaj spasmaj fingroj, mi entute ne scias recenzi. Sed ne recenzon oni bezonas nun, sed la signalon S.O.S. Sola eblo kaj sola savo ekzistas por ni, sola rimedo nin povas savi de tiu vermo, kiu lasis sian malpuran mukon sur tolerema papero kaj nomas tion **verki libron** – oni devas elbati liajn putrajn dentojn kaj naŭzajn okulojn, eltranĉi la siblan langon, trapiki la malnoblan koron, kapti la gorĝon, kiu haladzas pereon, distreti la pusan korpon, sendi la malutilan, malpuran animon en la inferon kien ĝi konvenas. Ekstermi! Ekstermi! Ekstermi!

Kaj se vi, legantoj, ne konsentus kun mi, se vi, eĉ post la klaregaj pruvoj de mia pure objektiva kritiko ne kraĉas sur la favan kapon de tiu honto de l' jarcento – mi havas mian opinion ankaŭ pri vi. Tiaokaze ankaŭ vi mem estas simplaj friponoj-kunkulpuloj, escepte se vi estas abonantoj de nia gazeto. Nome, kiel abonantoj vi absolvas vian punon per inda kaj peza pentofaro, per la lego de miaj erudiciaj artikoloj.

***Majorano Origana***

Kiel ni diris, la recenzon ni interpretis iom libere, ĉar ni ne emas represi artikolojn aliloke presitajn. Sed – ni garantias, ke nur la instrumentado ŝanĝiĝis, la melodio restis. Restis la originala (vere originala!) objektiveco kaj logikeco, restis la INTENCO kaj FURIOZO, ili estas nur iom pli verve esprimitaj. Kaj tiu furiozo neniel estas pli motivita tie, ol en nia interpreto.

Se post ĉio ĉi ni tamen ne turnas la supre legeblajn ekstermodezirojn kontraŭ la ŝatata recenzisto (?), ties kaŭzo ne estas, ke li tion ne meritis, sed sole nia eksterordinara kaj ekstrema mildo, bonvolo kaj indulgemo.

***M. Alice Pik***





# LEGAĴO

## DU MONDOJ

*Julio Baghy (1891-1967) estas unu el la plej bonaj kaj fekundaj verkistoj de Esperantio. La konataj romanoj : „Viktimoj", „Sur sanga tero", „Hura!", „Printempo en la aŭtuno", „Verdaj donkiĥotoj", estas el lia plumo. Ni proponas al vi ĉi sube eseeton, el „La teatra korbo", eldonita en 1934a.*

Elektra vagonaro. Tria klaso. Ĉirkaŭ mi nebulo de cigarfumo. Oni diskutas. Mi ne komprenas la lingvon. Ĝi prezentas por mi voĉĥaoson. Tamen mi konjektas, ke temas pri politiko.. Mussolini,. Hitler... kapitalismo... socialismo... faŝismo... kaj denove Hitler kaj Mussolini...



Mi atendas la ritman klakadon de la radoj. Miaj pensoj laŭ tiu ritmo formas mallongajn versojn. Tute ne poeziaj pensoj. Eĉ ne pensoj por skribi ilin. Simplaj ritme faritaj frazoj por distri min.

Tiu lula ludo baldaŭ tedas min. El mia aktujo mi prenas la hodiaŭ alvenintan numeron de „Oomoto Internacia".*

Mi legadas. Jen, tiu ĉi numero denove alportis ion interesan. La gazeto fariĝas ĉiam pli kolorriĉa laŭ enhavo. Laŭ aspekto ĝi surprize progresis de tiu tempo, kiam la unuan fojon mi renkontis ĝin.

Mi penas memori pri la jaro, en kiu mi skribis mian unuan artikolon por „Oomoto" .... Se mi ne eraras, tio okazis en 1927 .... Do ni estas malnovaj amikoj. Nun ŝajnas al mi tra la vualo, teksita de pasintaj jaroj, ke komence, kvankam mi havis sinceran simpation al ĝi, mia opinio ne estis tute la sama kiel hodiaŭ. Ĉu de tiam „Oomoto Internacia" fariĝis pli eŭropa aŭ pro mia respekto al la orienta spirito kaj pro konstanta atendo al la mirakloj de la orienta kultursfero mi fariĝis pli azia? Mi ne scias. Negrave!

La vagonaro haltas. H a a r l e m ... La pasaĝeroj ŝanĝiĝas ... Malpli temperamentaj kunvojaĝantoj eksidis en la kupeo.

La vagonaro ekkuras. Mia rigardo laŭvice konatiĝas kun la novaj vizaĝoj. Subite ĝin haltigas la rigardo de la vid-al-vide sidanto. Kun larĝa rido li salutas min laŭnome. Verŝajne foto, iam vidata en libro, kaj mia insigno rekonigis min. La renkonto al samlingvano estas ĉiutaga okazaĵo. Ofte mi trovas esperantistojn inter la kunvojaĝantoj kaj ankaŭ fervojistoj deĵorantaj, kiuj bone parolas nian lingvon.

Ni komencas konversacion... Milfoje remaĉita temo, sed bedaŭrinde ĉiam aktuala, ekirigas la fadenon de la parolo... Krizo... senlaboreco... mizero... Nun li estas perdinta sian laborlokon... Al ŝnuro fiksitan panon donas la Vivo

al mi. Hodiaŭ ĝi permesas al mi manĝi porbuŝan peceton kaj morgaŭ ĝi malice retiros la panon for de mia buŝo. Ĉiam estis tiel dum la lastaj dek jaroj.... Li ricevas monhelpon de la ŝtato.... En mia lando tiaspeca helpo ne ekzistas.... Precipe ne por intelektaj laboristoj.... Ĉu precipe aŭ principe?... Mi ne scias... Ni konversacias.

Lia mano etendiĝas al la gazeto, tenata de mi. Mi transdonas ĝin. Ĝia titolo surprizas lin. Ironia rideto flirtas ĉe liaj buŝanguloj.

– Oomoto... Surventriĝo antaŭ la Nenio.

Mi ne respondas. Kion mi povus diri? Kun tia konvinkiteco li esprimis sian opinion, kiu ne toleras kontraŭparolon... Tamen li foliumadas, rigardas la bildojn, legas la titolojn... Fine li redonas ĝin. El lia gesto plielokvente esprimiĝas lia sento ol en la akompana frazo.

– Kiel povas legi tia homo, kia vi, tiun ĉi gazeton?

– Ĝi interesas min. La spiriton de Oriento ĝi portas al Okcidentano kaj ĝi penas interamikigi la kontrastajn kulturojn.

– Ĉu vi simpatias al ĝi?

– Eĉ kelkfoje mi skribas artikolojn por ĝi.

Plenan seniluziiĝon mi rimarkas en lia rigardo. Nu, ankaŭ tiu ĉi prenos neniam plu en siajn manojn libron, verkitan de mi! Li memorigas min pri tiu kontraŭalkoholista samideano, kies grandan simpation mi perdis por ĉiam per verkado de – vinkanto.

Post momentoj lia scivolemo interesiĝas plu.

– Kaj kial vi simpatias al ĝi?

Kial?... – Momenton mi bezonas por koncize koncepti la respondon. – Nur pro tio, ĉar la toleremo de la eterna Kristo nestas en ĝi kaj mi povas retrovi ankaŭ la harmonian kunlaboron aspirantan spiriton de mia h o m o H o m a .

Li ne respondas, sed mi konjektas lian prisilentatan opinion el tiu ŝultrolevo, per kiu li skuas for de si eĉ la emon al kompreno. Pli poste, kvazaŭ sentante, ke respondi estus tamen dece, li ĵetas al mi indulgan frazon.

– Fanatika idealisto vi estas, samideano.

Mia rigardo esplore glitas sur lia eksteraĵo kaj pensotempon haltas ĉe la stacioj de la vera konatiĝo.

Sunbrunigita, aermordita vizaĝo. La altan frunton kadrumas bukloj de blondaj haroj, kies frizuron aranĝas la kombile uzataj kvin fingroj. En liaj ŝtalbluaj okuloj ardas la fajrero de la revoluciuloj. El lia voĉo resonas la amareco de la sklavo, konscia pri subpremiteco. Lian muskolan kolon streĉas la internaj spito kaj persisto. La dise kuŝantan molan kolumon kuntenas sangruĝa kravato. En lia butontruo fieradas la insigno de SAT.**



Mia rigardo esplore glitas sur lia eksteraĵo kaj pensotempon haltas ĉe la stacioj de la vera konatiĝo.

Sunbrunigita, aermordita vizaĝo. La altan frunton kadrumas bukloj de blondaj haroj, kies frizuron aranĝas la kombile uzataj kvin fingroj. En liaj ŝtalbluaj okuloj ardas la fajrero de la revoluciuloj. El lia voĉo resonas la amareco de la sklavo, konscia pri subpremiteco. Lian muskolan kolon streĉas la internaj spito kaj persisto. La dise kuŝantan molan kolumon kuntenas sangruĝa kravato. En lia butontruo fieradas la insigno de SAT.**

Mia rigardo ekripozas ĉe liaj laborkrustaj manoj, kuŝantaj sur la genuoj. Tiuj manoj eĉ nun tiel pugniĝas, kvazaŭ ili tenus ferstangon aŭ pezan muskolstreĉan martelon.

Karesa rideto vekiĝas en mi. Interna rideto, kiu ne atingas la lipojn, sed restas ĉe la koro. En tiu rideto estas simpatio kaj kompreno.... Jen, unu el miaj fratoj. Fanatika idealisto sur la transa bordo. Inter ni furiozas la maro de u n u s o l a litero. R e v o l u c i o – e v o l u c i o. Ĉu tiu distanco inter la du bordoj neniam estos transpontigebla?

Mi ne envortigas la pensan demandon, ĉar mi jam antaŭscias la du kontraŭdirajn respondojn. Li energie neus kaj mi esperplene jesus.

La radoj de la vagonaro jam akre klakadas super la relkruciĝoj. Post kelkaj minutoj ni alvenos. Mi vojaĝos plu. Li verŝajne atingis la celon.

Ĉe la disiĝo ni manprene adiaŭas. Sur la perono ankoraŭ du frazoj interŝanĝiĝas.

– Kara samideano, per preĝado oni ne povas savi la mondon – kaj en lia mieno kaŝludas la moko.

– Tute prave! Sed kredu, ke nek per hombuĉado, fratmurdado ĝi estas savebla.

Mi rigardas al lia malproksimiĝanta figuro. Kiom da forto! Kiom da sinofera entuziasmo! Kiom da konscio!.... Kaj kiom malmulte da kompreno al ĉiu, kiom da bagatela miopeco kontraŭ ĉio, kiu kaj kio troviĝas ekster lia klasa sfero... Ĉu mirinde? Ne! Dum jarmiloj li kaj la liaj estas traktataj de promesoj, belaj vorotoj kaj se ili aspiris pli, eksvingiĝis super ili la skurĝo de la potenco. Neniu rajtas miri pri tio, ke li ne povas kredi pri la boneco de la Homo. Kiu kulpas? Riproĉindaj estas tiuj, kiuj mortigas, ĉu vorte ĉu age, en li la fidon pri la ebleco de la paca evoluo.

Vi, obstina frato, konsideranta min eble eĉ via malamiko, kiel mi dezirus nur momentojn konduki vin al tiuj mirakloj, kiujn mi vidis kaj refreŝigi vian lacan homan koron ĉe tiu fonto, kiun vi eble ĉiutage preterpaŝas. Tio ne signifus la forpuŝon de viaj ideoj, sed tio alportus al vi la konvinkon, ke n e s o l e vi pravas kaj ne sole via mondpercepto estas bezonata por la homa vivo.

Mi ŝanĝas la vagonaron. En senkoridora kupeo de modperdinta vagono mi sidas. Nur miaj pensoj estas kun mi kaj incitas min la frazo: „per preĝado oni ne povas savi la mondon". Li pravas kaj samtempe eraras. Ne la sincerkoraj preĝantoj, ne la toleremaj kaj bonvolaj dikredantoj detruas la mondon kaj malhelpas la pli rapidtaktan progreson. Estus maljuste kulpigi la vojon, ĉar ĝi estas makulita de la mispaŝoj de egoistaj vojirantoj.

Ĉiu nobla aspiro de la homaro havas apartan vojon. La vojoj diferencas forme, sed esence ĉiu celas harmonian kunvivadon. Ĉiuj vojoj kuniĝos, se per iom da bonvolo oni klopodos kompreni la saman celon. Ĉiu vojo estas egale bona, se la vojiranto ne arogas ĝin la u n u - n u r a por atingi la celon. La eraro troviĝas ne en la vojoj, sed en la vojirantoj.

Ĉiu nobla aspiro de la homaro pli malpli estas – religio. Tiel la kapitalismo kiel la komunismo; tiel la teismo kiel la ateismo. En neniu el ili mankas la eterne homa celo: perfektigi la socian vivon kaj forigi la suferojn de la Homo. Ne la idealaj celdifinoj de la vojo viktimigas senpekulojn, sed fanatikaj vojirantoj, kiuj forgesas konsideri la apudmarŝanton – homo.

Bonvola ateisto similas pli al la ideala teisto ol hipokrita aŭ blinde fanatika kredulo, kiu preĝe sieĝas, sed age blasfemas la N e - d i f i n e b l a n.

**Julio BAGHY**

* *„Oomoto" = Moderna ŝintoisma sekto japana, kies unua majstro, Onisabro Deguĉi, kadre de la Universala Homama Asocio (fondita en 1925a), enkondukis Esperanton, kiel oficialan lingvon por fremdaj rilatoj.*

** *SAT = Sennacieca Asocio Tutmonda, asocio de la laborista Esperanto-movado, kies principoj estas, ke Esperanto por laboristoj ne estas celo, sed rimedo, ke la laboristoj-Esperantistoj devas organizi sin memstare, ke necesas ne nur propagandi, sed ankaŭ uzi, apliki la lingvon, ke la laboristoj-Esperantistoj devas interligiĝi unu kun la aliaj senpere, sen bariloj de naciaj aŭ landaj Esperanto-organizaĵoj.*

---

## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

*Kiam mi eniris la **kunvenejon** de la **Esperanta** Klubo „Fulmotondro", mi ekvidis scenon, kiu absolute **pravigis** la nomon de tiu klubo. Mi ne tuj **divenis**, pro kio cent homoj leviĝis de **siaj** seĝoj kaj kun ruĝaj kapoj kriis, mokridis, fajfis, manklakis unu kontraŭ la **alian** – anstataŭ trankvile **trinki** sian kafon aŭ limonadon **servitan** ĝentile de samideano Mops, profesia kelnero, speciale **deforanta** por la esperantistoj. La tumulto en la salono estis tiel granda, ke eĉ la sonorilo de la blankhara prezidanto Fontane ne estis aŭdebla.*




# LA GRAMATIKA PUNKTO

## LA VERBA VORTO

La **verba vorto** signas ies agon, staton aŭ interrilaton en kategorioj de tempo kaj daŭro: agi - stari - aspekti.

Ekzistas **primitivaj verboj**, kiuj estas la unuaj vortoj de la familioj formiĝantaj elde radikoj pro ties signifoj: movi - sidi - esti...

kaj **derivitaj verboj**, kiuj formiĝas elde radikoj kun alispecaj signifoj ĉu substantivaj: patri - formiki - marteli - projekti; aŭ adjektivaj: beli - verdi; aŭ adverbaj: nei; aŭ prepoziciaj: peri; aŭ foje eĉ interjekciaj: hurai!

kiuj povas formiĝi eĉ elde kompleksaj dirmanieroj: netolereblas - nemalhaveblas.

EL LA FUNDAMENTO **regulo 6** – La **verbo** ne estas ŝanĝata laŭ personoj nek nombroj. Formoj de la verbo: la tempo estonta akceptas la finiĝon **-as**; la tempo estinta **-is**; la tempo estonta **-os**; la modo kondiĉa **-us**; la modo ordona **-u**; la modo sendifina **-i**. Participoj (kun senco adjektiva aŭ adverba): aktiva estanta **-ant**; aktiva estinta **-int**; aktiva estonta **-ont**; pasiva estonta **-at**; pasiva estinta **-it**; pasiva estonta **-ot**. Ĉiuj formoj de la pasivo estas formataj per helpo de la responda formo de la verbo **esti** kaj participo pasiva de la bezonata verbo; la prepozicio ĉe la pasivo estas **de**.

## LA I - VORTO SIGNAS

**agmanieron** (ag)i -e
agi per: **brosi** (i brose, per broso)
provizi per: **nomi** (i nome, per nomo)
agi/stati je: **hejmi** (i hejme, je hejmo)
agi/stati kiel: **aktori** (i aktore, kiel aktoro)
agi karakterize de: **diligenti** (i diligente)
konduti cirkonstance: **furiozi** (i furioze)
stati e: **ebrii** (i ebrie)
impresi e: **verdi** (i verde)

aŭ

**agrezulton** (est)i -a
agi ion -a: **ruĝpentri** (pentri ion ruĝa)
**dispafi** (pafi ion disa)
agi tiel ke -a: **kunveni** (veni kunaj)
**disiri** (iri disaj)
esti -a: **egali** (i egala)
**ebli** (i ebla)
**ebrii** (i ebria)
**fii** (i fia)

Por pliaj detaloj oni relegu PAG (297-298-299).

Grava **karakterizaĵo** de la ag-verbo en Esperanto estas ĝia **transitiveco** aŭ **netransitiveco**. Ag-verbo estas dirita transitiva rekta, kiam temas pri ago, kiu rekte pasas de subjekto al objekto (Li komencis laboron); - nerekta, kiam temas pri ago, kiu helpe de prepozicio pasas de subjekto al objekto (Tio apartenas al li); ĉiuj verboj, kiuj ne toleras objekton, estas netransitivaj. Gravas tia karakterizaĵo, ĉar por transitivigi aŭ netransitivigi verban sencon, necesas uzi apartan sufikson aŭ prefikson laŭbezone: tre utile estas do dekomence eklerni la verbon kun la karakterizaĵo ekzemple, komenci **ion** (ĉar io komenci**ĝas**) sed **io** staras (ĉar oni star**igas** ion).

E K Z E R C O : Analizi la signifojn de la verboj kaj ekuzi ilin en frazoj:
1) Inkskribi, 2) Diskuri, 3) Najli, 4) Sali, 5) Mortpiki, 6) Kongresi, 7) Kunligi, 8) Nesti, 9) Amiki, 10) Kulpi, 11) Pravi, 12) Obstini, 13) Indi, 14) Malsani, 15) Grizi, 16) Adiaŭi.

S O L V O : 1) Sian nomon la knabo zorge inkskribis (skribis per inko) sur novan kajeron. 2) Tuj ĉe la sonorado de paŭzo la gejunuloj diskuris (kuris disaj). 3) Pentraĵon ŝi najlis (fiksis per najloj) ĉe la muro. 4) La kuiristo tro salis (provizis per salo) la supon. 5) Sian viktimon la ŝtelisto per ponardo mortpikis (pikis morta). 6) En Aŭstrio ni kongresos (agos kun la karakterizo de kongreso). 7) Por esprimi sian ideon la oratoro kunligis (ligis kunaj) du vortojn. 8) Nestas (agas je nesto) la birdoj en marto. 9) Por kapti la konfidon de la najbaroj ili amikis (agis kiel amikoj) kun tiu ĉi. 10) Kvankam li kulpis (esti kulpa), li neis. 11) Kiu jam havas, tiu pravas[z] (statas prave / estas prava). 12) En muteco li obstinas (nune kondutas obstine). 13) Li indas (estas inda) je tio! 14) Jam de du semajnoj li malsanas (statas malsane / estas malsana). 15) Pro nebulo la tuta kamparo vespere grizis (impresis grize). 16) La geamantoj ne ĉesis adiaŭi (agi per adiaŭoj).

*J.T.*

ĈEFVERKOJ EN LA GRAZ-a "JOANNEUM" MUZEO

Ĉi-jare vi certe vizitos la belan urbon de Graz, kie la esperantistaro inaŭguros la 19-an de julio la monumenton „La Espero", honore al la centjariĝo de Esperanto. Ne forgesu dediĉi kelkajn horojn al la riĉa Joanneum-muzeo. Ĝi entenas unuarangajn artaĵojn, kiujn ne rajtas preterpasi homo interesiĝanta pri la fontoj de la Eŭropa arto. La plej interesa sekcio de la muzeo troviĝas dekstre de la enirsalono, kie vi povos admiri elstaran kolekton de vitraloj kaj retabloj. LG dediĉas sian jenan fotoraportaĵon al kelkaj juveloj de „Joanneum".

**1.** „Madono el Admont", 14-jarcenta stukita ligno-skulptaĵo, ĉefverko gotika. La Sankta Patrino de Jesuo estas elmontrata juna, bela, gracia kaj reĝina. Ŝi portas kronon sur sia kapo, tamen laŭ la mito-historio ŝi estos kronita post la krucumado de Jesuo, kiun ŝi tenas bebo sur sia maldekstra brako. La artisto esprimas do unuverke, laŭ gotikaj konvencioj, la estontecon kaj la estintecon de la Sankta Virgulino.

**2.** Rondpentraĵo, „Disradianta Madono" (1420a), fama ekzemplo de la tiam nova regiona gotika substilo, la „stilo flukontura".

**3.** Busto memoriganta la liniojn de homformaj relikvujoj de la Zadar-a skolo.

**4.** Detalo el votofera pentraĵo el 1430a jaro, kun tre realisma batalsceno.

**5.** La inter-stilo „ĉevrona" religas la romanikan vitral-stilon al la gotika vitral-stilo. Ĝi ekhavis la nomon „ĉevrona stilo" pro la zigzagaj linioj per kiuj la artistoj bildigis la faldojn de tukaĵoj (sur la posta kovrilpaĝo).



